XVIIIa jaro. No 268 (12) ☆ Monata ☆ Decembro 1922

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| **Simpla abono** | 10.— Fr. Sv. | **Anonco** (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| **Kun la membreco de UEA** | 12.50 Fr. Sv. | **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| **Unu numero** | 1.— Fr. Sv. | **Korespondado** (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |
| *Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!* | |

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## La ekzemplo de Zamenhof.

Antaŭ sesdektri jaroj naskiĝis Zamenhof kaj iam la tuta homaro benos kiel ni tiun daton de l' 15a de decembro, ame festata de l' tutmonda esperantistaro. Kiam kisis la bubeton lia amanta patrino, ŝi dediĉis lin al la bono kaj la belo. Kio estis poste lia vivo, krom plena sindonado al homfrata helpo kaj harmonio? Ĉiujn malfacilaĵojn, ĉiujn penojn li suferis por fidele plenumi sian noblan taskon.

En tiuj tagoj de Zamenhofa rememoro, de Kristnaska festo kaj Novjaro, ni ankaŭ promesu al ni mem sekvi lian ekzemplon. Ankaŭ ni donu niajn vivojn senŝpare. La afero, kiun iniciatis Zamenhof, valoras tion, kaj niaj vivoj valoras nur laŭ la mezuro, je kiu ni donas ilin al utila kaj nobla celo.

Kelkfoje ni plendas pri tro da monpetoj, pri tro da alvokoj al laboro. Kial *ni* devus ĉion pagi, ĉion perlabori, kio poste utilos al ceteraj homoj, kies posta generacio profitos niajn oferojn kaj manĝos la kukon de ni bakitan? La respondo estas ja klara, kvankam iom filozofa: ĉiam okazis tiel tra tuta historio de la vasta homa familio. Al kelkaj pioniroj, nek riĉaj, nek potencaj, sed fidantaj, falis sankta tasko kvazaŭ infano trovita ĉe la pordo de jam penantaj laboristaj gepatroj. Ĉu oni ĵetas ĝin for? Ne. La poemo rakontas alie.

Estas ŝarĝo peza, sed honoriga. Aliaj rikoltos la fruktojn, sed la pioniroj semas kaj la afero kreskas „per laboro de la esperantoj". Tio estas ja la nobla signifo de tiu bela nomo, kiun heredis nia lingvo mem. Ĉiu vera homo havas precizan taskon en la mondo. Al ni falis tiu ĉi. Ni estu fieraj je ĝi. Ni donu ĉion al ĝi, ĉu forton, ĉu monon, ĉar de ni kaj de ni sole ĝia sukceso dependas.

Nia respondeco estas granda: ĉu ni postlasos al niaj idoj homaron ankoraŭ malsaĝe dividitan per blindiga barilo de lingvoj, aŭ ĉu ni agos tiel, ke ili povu spiri en mondo liberigita el tia sensencaĵo kaj kapabla kunparoli por kunlabori? Ĉu ni ne defendas la honoron de la tuta homa raso helpante ĝin venki tiun lingvan malfacilaĵon, same kiel ĝi venkis aliajn barilojn, maron per vaporo, montojn per tuneloj, spacon per motoroj. Ĉu ni hodiaŭ havus aeroplanojn se „esperantoj" kiel Archdeacon ne estus farintaj oferojn meze de ĝenerala malfido kaj ridado? Tian periodon ni jam elpaŝis. Nun venis la tempo je gravaj, disciplinaj entreprenoj.

Pro tio ni bezonas solidan bazon. UEA havas 6000 anojn. Ĝi devus havi 10 000 por funkcii sen deficito. Alie ĝi devos ĉesi. Tiun nombron ĝi povas atingi eĉ nur en la bonvalutaj landoj. Nun ĝi fariĝis la fundamento de nia oficiala organizo kun la naciaj societoj. Ĉiuj devas penadi varbi novajn membrojn, fariĝi garantiantoj aŭ subtenantoj, konigi ĝian organon, ĝian jarlibron, ĝiajn servojn. Ni per tio danku al niaj sindonaj delegitoj, fidele kaj senpage laborantaj.

Krom tio ekzistas la internacia propagando. Nun ni komencis serion da teknikaj konferencoj, kies efiko profunde penetras. Ankoraŭ hodiaŭ aperas en

ĉinaj, japanaj kaj amerikaj revuoj la manifesto al la instruistoj. Hieraŭ la estona, hodiaŭ la kroata instruadestroj diskonigis ĝin en siaj lernejoj. Morgaŭ ni interesos komercistojn. Ĉiujare tio kostas kelkmilojn da frankoj kaj multe da laboro. UEA ne povas aldoni tion al sia budĝeto, ĝis ĝia propra ekzisto estos certigata. Donacoj devas do provizore kovri tiajn pluajn elspezojn de apartaj organizo kaj presado. Kiu povas, tiu helpu al la Venezia Konferenco per partopreno aŭ per ebligo, ke alia samideano partoprenu. Jen ankaŭ nobla formo de helpado.

La esperantistaro estas fidela popolo. Ĝi agas kaj agas ankoraŭ. Ĝi donas kaj donas denove. Super ĉio, ĝi esperas kaj per tio lumigas sian vojon. Pensante al ĉiuj konataj kaj nekonataj geamikoj samkore laborante en ĉiuj partoj de la mondo, oni sentas altan kuraĝigon kaj bedaŭras nenian penon, nenian baton, nenian oferojn. Al ĉiuj ni diras koran saluton kaj sinceran dankon pro ĉio, kion ili faras. Ni sentas nin proksimaj, unu al la aliaj. Benite venu la Nova Jaro kaj alportu al ĉiuj la varman bondeziron de ĉiuj aliaj. Kune antaŭen sur la vojo Zamenhofa!

*Edmond Privat.*

---

# Komerca Konferenco en Venezia.

(31 Marto — 4 Aprilo 1923.)

UEA invitis ĉiujn naciajn societojn ke ili bonvolu partopreni la internacian konferencon pri Esperanto por komerco kaj turismo en Venezia je Pasko 1923 sendonte oficialajn delegitojn kaj preparante raporton kun statistiko pri la spertoj faritaj en tiu duopa fako. Ĝi ankaŭ sin turnas al siaj delegitoj invitante ilin kaj proponante demandaron, kiu servos kiel projekto de tagordo por la konferenco. Interalie oni devus enketi ekzemple pri punktoj kiel la jenaj:

1. *Esperanto en Komerco:*
   - a) Kiuj firmoj uzas la lingvon por korespondado? Plena informo kun indiko de branĉo.
   - b) Kiuj firmoj eldonis prospekton, katalogon ktp. en Esperanto?
   - c) Ĉu la firmo, entrepreno havas specialan oficiston por la esperantaj rilatoj?
   - d) Kiaj rezultatoj estis atingitaj? (Atestoj de uzantoj.)
2. *Esperanto en Turismo:*
   - a) Kiu Turisma Societo, porfremdula organizaĵo uzas Esperanton? (Plena informo kun detaloj.)
   - b) Kiu eldonis gvidfolion, gvidlibron ktp. en Esperanto?
   - c) Ĉu estas oficisto en la Turisma Oficejo parolanta la lingvon? (Kun nomo kaj adreso.)
   - d) Kiaj rezultoj estis atingitaj? (Atestoj de uzantoj.)
3. *Esperanto kiel komerca instrufako:*
   - a) Kiu komerca lernejo (oficiala) instruas la lingvon? Ĉu devige aŭ nedevige?
   - b) Same pri privataj komercaj institutoj?
   - c) Same pri vesperkursoj de komercistaj societoj?
4. *Servoj per UEA:*
   - a) Statistiko.
   - b) Priskribo de tipaj komercaj servoj.
   - c) Priskribo de tipaj turismaj servoj.
5. *Publika subteno:*
   - a) Kiuj komercaj organizaĵoj publike subtenis Esperanton? (Kun dato, teksto de rezolucioj.)
   - b) Same pri turismaj organizaĵoj.
6. *Agadprogramo.*
   - a) Enketu ĉe favoraj firmestroj; notu ilian juĝon kaj konsilon por estonta agado.
   - b) Informiĝu pri opinio de komercaj kaj turismaj organizaĵoj, interesante ilin pri la konferenco. Sendu al UEA adresojn de tiuj, kiujn ĝi devus inviti al Venezia.

* * *

Ni tre bone scias, ke la sperto en tiuj fakoj estas ankoraŭ malgranda, sed oni devas ĝin klasigi kaj utiligi kiel instruon. Aŭdinte la faktojn pozitivajn kaj ankaŭ negativajn, la konferenco poste povos diskuti la rimedojn por faciligi praktikan uzadon de Esperanto en komerco kaj turismo. La faktaro kaj rekomendaro poste eldonota sub formo de resuma broŝuro povos efike helpi al estonta agado, same kiel la raporto pri la Ĝeneva konferenco en alia fako.

Partoprenos en Venezia kompetentaj personoj kiel S-ro Stettler, prezidanto de UEA, S-ro Barton Kent, komitatano de la Internacia Komerca Ĉambro, de la Londona Komerca Ĉambro kaj prezidanto de la Anglo-franca Societo, S-ro John Merchant, prezidanto de la Federacio por komuna komerca Lingvo, S-ro Cherblanc, ĝenerala sekretario de la Komerca Ĉambro en Tarare, S-ro Balliman, prezidanto de la Ĉambro de Komercistoj je Vitro en Parizo, Prof. D-ro Dietterle, prezidanto de la Interfoira Komisiono, S-ro Titta, direktoro de la Foiro en Padova, D-ro Ĉe-u-vaj, direktoro de la Ĉina Sekretariejo ĉe la Ligo de Nacioj, S-ro Janagida, japana membro de la Konstanta Komisiono pri Koloniaj Mandatoj ktp.

Ni rajtas esperi, ke ĉiuj komercaj aŭ turistaj organizaĵoj kiuj vere deziras la oficialigon de komuna komerca lingvo, sendos energian reprezentanton al la konferenco por grupigi siajn fortojn kaj konsenti pri efika agadprogramo por la estonto.

Ni ne atendas multnombran kunvenon, sed seriozan kaj decideman.

La partoprenontoj bonvolu sin anonci tuj ĉe UEA. La loĝado kaj manĝado en la hotelo de UEA kostos po 30 liroj tage. Ĉio plej ŝpareme, sed komforte, kondiĉe ke oni sin enskribu frue. Vojaĝprezojn al Venezia vidu sur paĝo 210.

Vojaĝprezojn al Venezia vidu sur paĝo 210.

* * *

Nun pri mono. Pli sube ni publikigas la bilancon de la Ĝeneva Konferenco. La donacintoj — ili ricevu ankoraŭ varman dankon — vidos, ke ilia mono estis serioze kaj efike elspezata. Per sufiĉe modera sumo granda laboro estis farata. Ĉirkaŭe sama sumo estas nepre bezonata por sukcesigi la Venezian Konferencon. Ni estus dankaj al tiuj, kiuj povus helpi, ke ili baldaŭ sendu laŭvolan donacon por plenigi nian liston. Ĝis nun ni ricevis

| | | |
|---|---|---|
| de UEA (unua pago) | sv. Fr. | 100.— |
| S-ro Stettler | | 100.— |
| D-ro Privat | | 100.— |
| | | 300.— |

Ni devas tion dekobligi. Pensu al la Konferenco inter viaj Novjaraj donacoj.

# La kritikantoj de Esperanto.

Ekzistas du specoj da kritikantoj en Esperanto: kelkaj nur deziras malhelpi la tutan mondlingvan aferon kaj ne hontas ricevi de malfavoraj ministrejoj aŭ ambasadorejoj helpon por propagandi „iun diablaĵon kiu mortigu la malbenitan Esperanton". Kun tiuj kritikantoj ni ne deziras interparoli. Publika skandalo punos ilin ian tagon, ĉar neniu sekreto konserviĝos eterne. Aliaj estas sinceraj homoj, kiuj honeste kredas, ke ili sole posedas la veron kaj ke ĉiuj ceteraj homoj eraras.

Tiom granda estas ilia certeco ke, ĉar ni ne parolas pri iliaj kritikoj, ili kredas tute vere kaj naive, ke ni konfesas la pravecon de iliaj argumentoj, sed timas tion diri publike, pro iu ajn „teruro". Nu, al tiuj kritikantoj venis la tempo paroli tute malkaŝe por ke ili ne eraru pli longe. Ni timas neniun kaj nenion kaj kutimas tute libere diri tie ĉi nian penson.

Ni do respondos al la ĉefaj kritikoj adresataj al Esperanto kaj ankaŭ niavice kritikos la rimedojn proponatajn por ĝin „plibonigi". Unue la

*supersignitaj literoj.*

Ĉiuj vere fonetikaj ortografioj posedas ilin, ĉar la ordinaraj literoj de la latina alfabeto ne sufiĉas por montri ĉiujn sonojn necesajn. Kiam presisto ne havas ilin, tiam li rajtas, laŭ la Fundamento de Zamenhof, uzi *ch* kaj *sh* tute same kiel en Ido ekzemple sed, se li presigas tutan libron, la suma spaco uzata de tiuj superfluaj *h* fine egalvaloros pli ol unu paĝo plua kaj kostos al li per kompostado kaj plia papero pli da mono ol se li estus aĉetinta la necesajn literojn. Laŭ financa vidpunkto la sistemo de *ch* kaj *sh* estas perda kaj kondamnata. Laŭ fonetiko ĝi estas neakceptebla, ĉar ĝi rompas la regulecon de l' ortografio: unu litero por unu sono. Nur por faciligi telegrafan skribadon oni povas akcepti aranĝojn kun *h* same kiel la germana lingvo uzas *oe, ue, ae* por *ö, ü, ä* telegrafe. Do ŝparo kaj scienco pravigas Esperanton tie.

*Vortaro kaj Radikaro.*

Se mondlingvo devas resti facila por ĉiuj popoloj, ĝi devas ne multigi senutile la nombron de radikoj. Anstataŭi *malgranda* per *mikra*, *malrapida* per *lenta* aŭ *fratino* per *sistro* povus doni al Esperanto eksteran similecon pli proksiman al okcidentaj lingvoj, sed ĝi tute rompus la principon de necesa simpleco kaj aldonus al la lingvo pezan balaston da komplika pliŝarĝo.

Sed tie ne haltus la afero. Ju pli Esperanto dependus de ceteraj lingvoj por elĉerpi sian vortaron, des pli ĝi riskus esti malpreciza, ĉar la dogmo pri internacieco de radikoj estas ofte danĝera fantomo. Kiu funde konas anglan kaj francan lingvojn, tiu scias ke centoj da radikoj kiel *kontrol', sukces', eventual', student'* vekas en la du lingvoj sencojn ofte tre malsamajn kaj riskus enkonduki en la mondlingvon konfuzojn bedaurindajn, se oni tre multigus ilin.

Sistemo, kiel Ido, kiu blinde amasas tiujn „anglo-francajn" vortojn, atingis jam staton de plena kaj neriparebla malordo kaj konfuzo. Ĉar ne ekzistas sufiĉe da interna vivo kompare al la vasta nombro da radikoj, oni devas ĉiam serĉi la sencon en unu aŭ alia fontlingvo. Do, kiu regos la kopion? Ĉu franca, ĉu angla?

Kontraŭe la propraj Esperanto-formaĵoj kiel *memregi, okazo, kontraŭstari, malhelpaĵo, foriginda* ktp. estas vortoj absolute certaj, kies senco kuŝas sur bazo firma. La dekminuta ekstera ekzamenanto nomas ilin „barbaraĵoj", sed ili ja estas la sango kaj la vivo de la mondlingvo. Sen ili, la afero tute fiaskus, ĉar nura kopia vortaro estas plena iluzio.

Sendube Zamenhof pravis kontraŭ Schleyer elektante la komunan eŭropan fonton kiel elĉerpejon por sia komenca radikaro, sed li ankaŭ pravis kontraŭ De Beaufront limigante la radikaron al minimumo por la flua, ĉiutaga vivado. Nur tiel li ebligis la lingvon krei al si propran materialon klaran kaj kompreneblan al ĉiuj. Ido fariĝis jam neuzebla de ĉino au japano, kiu ne scias anglan aŭ francan, dum orienta laboristo povas bonege interparoli aŭ korespondi kun ruso aŭ anglo per Esperanto.

Por teknika vortaro, komprenehle oni devas vastmezure kopiadi, sed ankau tie Esperanto savis la aferon, ĉar ĝi posedas sufiĉan vivan materialon por klarigi la novajn radikojn per esperanta difino anstataŭ per nura traduko el nacia lingvo. Tio certigas garantion tute alivaloran.

*Komparo de tekstoj.*

Iuj personoj — kaj interalie idistoj — imagas ke la tuta mondlingva problemo solviĝas per komparo de tekstoj. „Omnube ube Espisti faras irga propago, ni quik intervenez per komparanta texti!" skribas fervore S-ro Noetzli por diri: „ĉie, kie la esperantistoj faras ian propagandon, ni tuj intervenu per komparaj tekstoj!"

La demando estas jena: ĉu la mondlingvo celas esti amuze legebla senlerne de la francoj kaj angloj, kiuj malplej bezonas ĝin, aŭ ĉu ĝi celas esti vere vivanta lingvo, simpla, klara kaj facile lernebla per malmulte da tempo eĉ de tute aligentaj homoj. Kompreneble anglo rekonos *quik* iom pli tuja ol *rapide*. Ankaŭ okaza franca leganto pli facile distingos *lenta* ol *malrapida*, sed uzinte duonhoron por atente tralegi la gramatikon, li komprenos Esperanton tute samrapide ol tian kopiaĵon. Dume ĉino aŭ japano sciante neniun lingvon krom sia propra lernas legi Esperanton multe pli rapide.

La „komparo de tekstoj" estas nur malgranda parto kaj ne la tuto de la mondlingva problemo. Ĉion oferi al tiu sporto cetere taŭga nur en kelkaj landoj, estus mortiga danĝero al mondlingvo. Se la aŭtoro de „Occidental" aŭ de „Interlingua" sekvus la metodon de S-ro Noetzli, ili venkus tuj Idon en latinaj landoj, ĉar iliaj tekstoj atingus ankoraŭ pli proksiman similecon. Sed tia argumento fariĝus preskaŭ ŝerco, ĉar oni povus senfine fabriki „kopiaĵojn" laŭ tio se oni volus plaĉi al francoj aŭ germanoj kaj diri *la lupo manĝis viandon* aŭ *la volfo fresis flajŝon*. Tiam multe pli simple estus propagandi anglan lingvon kun fonetike simpligita ortografio, kiel proponis Roosevelt. Ni estu do seriozaj, ne infanaj, kaj komprenu ke ne ĉion oni rajtas oferi al nura ekstera ŝajno. Pri la sistemo, kiu konsistas espluati la fakton ke la angloj kaj francoj elparolas *j* kiel *ĵ* kaj tiel ridindigi Esperanton montrante *ojn* kaj *ajn* sen klarigo, mi eĉ ne aludas, ĉar ĝi estas nur malhonestaĵo, nenio alia.

*La sono.*

Cetere oni devas zorgi ne nur pri skribo sed ankaŭ pri parolo. Nu estas tre facile decidi tion aŭ alian teorie, sed poste estus necese aŭdi kiel sonas la rezultatoj. Zamenhof kiu estis harmoniema muzikulo, akceptis neniun sufikson, neniun regulon definitive ĝis li estis dum jaroj provinta ĝin en praktiko. Multon li forigis aŭ ŝanĝis dum dekkvin jaroj da provado por ke ne restu rokaĵoj interfrapaj aŭ interĝenaj. Ne li estus akceptinta sufikson *-esk* por *ek-* kaj *-es* por *-iĝi* tiamaniere ke li devu mortvundi sian buŝon por elparoli ide *destrukteskas* por ekdetrui aŭ *destruktesar* por *detruiĝi*.

Se oni laŭte legas komparatajn tekstojn, oni devas lojale konfesi ke Ido fariĝas pli kaj pli roka dum Esperanto konservas kaj eĉ pligrandigas sian harmonion.

Ekzemple la teoriuloj, kiuj elektis la sufiksojn en Ido tute ne antaŭkalkulis la teruran nombron de *s* kiun ili enkondukis en la lingvon. Ni ne volas fabriki specialan frazon kiel oni povas fari por ridindigi ĉian eblan lingvon, sed simple citos artikolon de S-ro Labedan.

| | |
|---|---|
| Ni bezonas ligili inter la populi, ligili inter la profesioni, ligili inter la privati. La korespondado inter la privati esas tre facila; ma ta inter la specialisti, teknikisti, artisti, komercisti, perfektigesos erste kande ni havos kompleta teknikala vortolibri. E kompreneble nula vera konkordo, uniono e simpatio existos ante ke omna linguala frontieri tote supresesos. | Ni bezonas ligilojn inter popoloj ligilojn inter profesioj, ligilojn inter privatuloj. La korespondado inter privatuloj estas tre facila; sed tiu inter specialistoj, teknikistoj, artistoj, komercistoj, perfektiĝos nur kiam ni havos plenajn teknikajn vortarojn. Kompreneble nenja vera konkordo, unuiĝo kaj simpatio ekzistos antaŭ ol ĉiuj lingvaj landlimoj tute nuliĝos. |
| Me propozas facebla kozo; nam omna to quon on deziras facar reale povas facesor. La Idisti facez esforzi ed anke nia agema Akademio. L'Akademio decidez qua verkin (vortarin e tradukarin) konvenas skribar. | Mi proponas facilan aferon; efektive ĉio, kion oni deziras fari, vere povas esti farata. La Idistoj klopodu kaj ankaŭ nia agema Akademio. La Akademio decidu kiujn verkojn (vortarojn kaj tradukaĵojn) oni skribu. |

Ĉu honeste oni ne devas konfesi, ke Esperanto estas pli bela, pli multsona? *Facez, facesar, supresesar, satisfacar, suficanteco, instruktisti, selektesez* vere sonas malbone. Same erare estis elekti multnombrojn en *i*, ĉar ili tromultigas la saman sonon post sufiksoj *-in, -ist, -id*, kiuj estas tiel ofte uzataj en longaj listoj. Ankaŭ la forigo de akuzativo kaj multnombra finaĵo ĉe adjektivoj tromultigas la renkontojn inter vokaloj: *bela arbo, bela arbon, bela arbi, bela arbin.* La *n* kaj *j* esperantaj donas pli agrablan variecon kaj la grekaj finaĵoj aj, oj estas tre belaj kaj dolĉaj sonoj. Pri la gramatika utileco de tiuj finaĵoj ni jam detale parolis en antaŭa numero. Sen ili la ordo de la frazo fariĝas rigida aŭ la frazo malklara. Ĉe la Ĝeneva Konferenco, sperta angla lernejestrino klarigis al ni kiom la manko de finaĵoj en angla lingvo malfaciligas ĉiun gramatikan instruadon al infanoj. La mondlingvo devas esti taŭga profunde, ne nur laŭ momenta kaj propaganda vidpunkto. Oferi la veran bonecon al propaganda ŝajnigo estus krimo kontraŭ la estontaj generacioj. Tie ĝuste staras la supereco de Esperanto, ke ĝi respondas al fundaj bezonoj de l' homaro, ne nur al momenta kaprico.

*Konkludo.*

Serioza komparo inter Esperanto kaj la proponoj de ĝiaj kritikantoj montras, ke ili fakte nur fuŝis geniaĵon kaj vivantaĵon. Esperanto evoluos, Esperanto riĉiĝos kaj ankaŭ simpliĝos en diversaj punktoj, sed ĝi tute ne marŝos en la direkton de Ido. Se la mondlingvo devus iam havi tian pedantan kaj rokplenan aspekton, tian stilan sekecon kaj senaniman maŝinodorecon, tiam eble prave la homaro naŭzus je artefarita lingvo. Tio estus vere granda malfeliĉo kaj ĝi estas ja la kaŭzo kial ni ĝojas pri la ĉiam kreskanta sukceso de Esperanto, kiun ni propagandas libere kaj memvole, spertinta ke ĝi estas vere la solvo de la mondlingva problemo. Ĝiaj kritikantoj bonvolu returni sian pravan analizemon kaj kritikemon kontraŭ siaj propraj proponoj. Ili konstatos ke Zamenhof havis pli delikatan *senton* pri vivo kaj lingvo ol ili kaj esperable ili aliĝos al nia movado por kunlabori. Ni forgesu personajn aferojn. Temas nur pri la supereco de Esperanto, pruvita per la vivo.

# Internacia Konferenco pri la Instruo de Esperanto en Lernejoj.

## Financa raporto:

La organizantoj de la konferenco konfidis al mi la taskon, prizorgi la kasaferojn, kion mi plezure akceptis. Ĉefa zorgo estis, ke troviĝu sufiĉaj rimedoj garantiigi la tutan aferon laŭ financa vidpunkto. Ke tiuj rimedoj nur estus troveblaj de bonvola subteno per individua kolekto tuj evidentiĝis. Speciala presaĵo sendita kun la gazeto „Esperanto“ havis kontentigan rezultaton; al ĉiuj donacintoj koran dankon.

La kalkuloj resumiĝas jene:

| *Enspezoj:* | Fr. | *Elspezoj:* | Fr. |
|---|---|---|---|
| Ricevitaj Donacoj . . | 2858.03 | Subteno por vojaĝoj al Deleg. . . . . . . . | 605.52 |
| | | Gastigado en Genève . | 355.70 |
| | | Presaĵoj . . . . . . . . . | 225.36 |
| | | Afranko . . . . . . . . . | 254.20 |
| | | Materialo-Adresskribado | 52.75 |
| | | Telegramoj-Telefono . . | 107.15 |
| | | Elspezoj por la ekspozicio | 33.50 |
| | | Luo de Salono en la Universitato (Lumo-prizorgo) | 62.00 |
| | | Vespera kunveno . . . | 110.00 |
| | | Veturilo . . . . . . . . . | 160.00 |
| | | Gazeta Servo . . . . . . | 200.00 |
| | | Trinkmono al pordistoj kaj helpantoj . . . . . | 95.00 |
| | | Neta elspezo . . . . . . | 2190.13 |
| | | Presigo de raporto . . . | 667.90 |
| | 2858.03 | | 2858.03 |

*Rimarkoj:* a) La dispartigo de la donacoj montras: La plej altan sumon ni ricevis de Svisaj samideanoj nome 1361 Fr. Sekvas Nederlando kun 442,50 Fr., Usono kun 311 Fr. La resto dispartiĝas sur Britlando, Francio, Danlando, Hispanio kaj Italio. b) La kaso subtenis 8 Delegitojn el landoj kun malalta mono per pago de vojaĝo aŭ gastigo. c) Kelkaj partoprenintoj povis esti loĝigataj ĉe bonvolemaj esperantistoj en Genève; pro tio la kosto konsiderinde malaltiĝis. d) La afranko de 254,20 Fr. kiu atingas ĉirkaŭ 9% de la tuta spezo estas relative malalta; ni forsendis parton de presaĵoj, invitoj ktp. el eksterlanda presloko. La kontrolo de tiu ĉi konto okazas samtempe kun tiu de la bilanco de UEA farata de banka oficisto dum decembro.

*Hans Jakob*, kasisto de la konferenco.

Genève, 25. novembro 1922.

# TRA LA FAKOJ.

## Blinduloj.

La 2a blindulkongreso en Helsinki kore dankas al ĉiuj monhelpantoj. Ĝi ankaŭ dankas pri la donacoj faritaj por subteni la „Esperantan Ligilon“, nepre necesa gazeto de la senvida samideanaro. La sekretario estas S-ro Victor Hendricx, Zalmstraat 43, Gent, Belgio.

## Pacifistoj.

F-ino Eleanor M. Moore, sekretario de la „Australian Peace Alliance“ 40, Evelina Road, Toorak, Melbourne, dissendas cirkuleron pri porpaca referendumo. Oni ĝin petu senpere.



# SOCIA VIVO



## Kiel funkcias la Ligo de Nacioj?

De *Ĉikao Fujisaŭa.*

Jarcentoj forpasis depost kiam la ideo pri la Ligo de Nacioj naskiĝis. Jam delonge antaŭ la mondmilito la popoloj estis komprenintaj la gravecon de organizaĵo kiu faciligus la interrilatojn inter la ŝtatoj kaj ilian kunlaboradon por la aferoj de komuna intereso kies plejrimarkinda estas sendube la daŭrigo de la mondpaco.

Tiu bezono fariĝis pli urĝa ol iam post la milito. La kreintoj de la pripacaj traktatoj ekrimarkis tiun ĉi necesecon kaj tiamaniere starigis la Ligon de Nacioj.

Kiel la Ligo estas organizita? Kiamaniere ĝiaj organoj funkcias? Kian laboron ĝi efektivigis depost ĝia kreo? Mi ĉi sube respondos al tiuj demandoj kiel eble plej mallonge.

### 1. *La deveno, la konstruo kaj la celo de la Ligo.*

La Ligo de Nacioj estas kreita per la solena Ligkontrakto konsistanta el 26 artikoloj, kiu antaŭas la Traktaton de Paco subskribitan en Versailles, la 28ᵃⁿ de junio 1919. La 10ᵃⁿ de januaro en la sekvinta jaro la Ligo ekfunkciis kun la efikigo de la Traktato.

La ĉefa celo de la Ligo estas neebligi la eksplodon de militoj per la firmigo de porĉiama mondpaco, dum ĝia aliflanka celo estas la akcelado de internacia kunlaborado por ŝirmi la komunan intereson de la tuthomaro.

La Ligo de Nacioj povas agi precipe dank' al tri gravaj organoj: la Ĝenerala Kunveno, la Konsilantaro kaj la Ĝenerala Sekretariejo.

La Ĝenerala Kunveno estas la konferenco de ĉiuj ŝtatmembroj de la Ligo, en kiu ĉiu nacio estas reprezentata de tri delegitoj; ili disponas tamen nur unu voĉon, tiel ke la nombro de la delegitaro ne multe gravas. Principe ĉiuj decidoj de la kunsidantaro devas esti atingataj per unuanimeco de membroj de la Ligo reprezentataj en la kunsido.

La Ĝenerala Kunveno rajtas pritrakti pri la problemoj kiuj koncernas la mondpacon aŭ kiuj estas entenataj en la agadsfero de la Ligo. Ĝi kunsidas je definitaj datoj en la sidejo de la Ligo aŭ en iu ajn difinota loko; pri tio la unua kunveno decidis ke ĝi kunsidos aŭtomate kaj regulmaniere almenaŭ unu fojon ĉiujare je la unua lundo de septembro.

La Konsilantaro entenas dek membrojn: kvar ĉefaj potencoj, Japanujo, Italujo, Francujo kaj Granda Britujo, kiuj estas konstantaj membroj, kaj ses aliaj ŝtatoj libere elektataj de la Kunveno, nun Belgujo, Brazilo, Ĉinujo, Svedujo, Urugvajo kaj Hispanujo. Ĉiu membro de la Ligo reprezentita ĉe la Konsilantaro nur disponas unu voĉon kaj havas solan reprezentanton. Ĉiu Ligano, kiu ne estas reprezentata en la Konsilantaro, estos invitata tien sendi kunsidontan reprezentanton ĉiufoje, kiam demando, kiu koncernas ĝiajn proprajn utilojn, estos pritraktota. La Konsilantaro rajtas trakti pri ĉiu afero entenata en la agadsfero de la Ligo aŭ tuŝanta la mondan pacon.

Fakte tiu ĉi grava organizaĵo konsideriĝas kiel eldevenaĵo de la Ĝenerala Kunveno kaj traktas aferojn komisiitajn de la lasta organo dum ĝia foresto.

La Konsilantaro jam kunvenis 17 fojojn: la unuaj kunsidoj okazis en Paris, London, Roma, San-Sebastian kaj Bruxelles. Depost 1921 ĝi renkontiĝas ĝenerale en Genève ĉiun trian monaton.

La ĝenerala Sekretariaro estas lokfiksita en Genève apud la beltrankvila lago Leman. Por plenumadi sian laboraron la Konsilantaro, la Kunsidantaro kaj aliaj komisionoj bezonas tiun ĉi administran organizaĵon konstantan, kies diversaj fakoj estas direktataj de Ĝenerala Sekretario Sir Eric Drummond helpata de tri subsekretarioj ĝeneralaj.

La preparo de tagordoj por diversaj kunvenoj, la korespondado kun la Liganoj, la konservado de arĥivoj, la dissendado de diversaj dokumentoj kaj la propagando de la Ligo de Nacioj estas entreprenataj de la Ĝenerala Sekretario.

Ĝi entenas nuntempe jenajn fakojn:

1. Fako por la administraj komisionoj (Saara teritorio kaj Danciga liberurbo) kaj por la protektado de malplimultaj popoloj, direktata de norvego.
2. Fako ekonomia kaj financa, direktata de anglo.
3. Fako jura, direktata de holandano.
4. Fako politika, direktata de franco.
5. Fako por la senarmigo, direktata de italo.
6. Fako por la mandatoj, direktata de sviso.
7. Fako higiena, direktata de polo.
8. Fako por la transveturado, direktata de italo.
9. Fako por la informiĝo, direktata de franco.
10. Fako por la sociaj demandoj, direktata de anglino.
11. Fako por la internacia oficejaro, direktata de japano.
12. Registrejo por ĉiu traktato, ĉiu internacia interkonsento kiu estos en la estonteco konsentita de la Ligano.

Krom ĉi tiuj politikaj kaj administraj ĉeforganizaĵoj troviĝas la Internacia Labororganizaĵo kaj konstanta Tribunalo de Internacia Justeco.

La Internacia Labororganizaĵo estis starigata de la XIIIᵃ ĉapitro de la Packontrakto; ĝi funkcias preskaŭ sendepende.

### 2. *La Konstanta Tribunalo de Internacia Juro.*

La Konstantan Tribunalon de Internacia Juro definitive konsistigis la lastan jaron la Ĝenerala Kunveno kaj la Konsilantaro. Por kompreni la gravecon de tiu ĉi okazintaĵo oni rememoru ke la antaŭaj provoj mizere malsukcesis pro internacia konkurado.

Du packonferencoj okazintaj en Hago en 1899 kaj en 1907 ja alkondukis al la stariĝo de konstanta arbitracia tribunalo, sed ili ne povis efektivigi superegan juĝopovon rilate al la internaciaj malkonsentoj.

La 14ᵃⁿ de septembro en la lasta jaro oni procedis je la elekto de 11 juĝistoj kaj de ilia 4 anstataŭantoj, prikonsiderante kaj respektante la ekvilibron inter la grandaj kaj malgrandaj ŝtatoj. La Tribunalo estos juĝorajta pri ĉiuj internaciaj malakordoj kiujn la malakordantoj submetas al ĝi.

Bedaŭrinde estas ke la Tribunalo ne havigis al si la devigan juĝopovon; tio signifas ke ŝtato en konflikto kun alia ne povas devigi la lastan sin prezenti antaŭ la Tribunalo.

La Konstanta Tribunalo, kies sidejo estas en Hago, okazigis sian unuan kunsidon la 30ᵃⁿ de januaro 1922.

### 3. *La komisionoj kaj la teknikaj organizaĵoj.*

Por la plenumado de sia politika laboro, la Ĝenerala Kunveno kaj la Konsilantaro estas helpataj de kelkaj komisionoj.

Ili havas ĝeneralan devon liveri ĉiujn opiniojn kaj sciigojn al la politikaj organoj de la Ligo de Nacioj kaj prepari ĉiuspecajn raportojn demanditajn pri la aferoj de ilia kompetenteco.

Estas du kategorioj de komisionoj: la konstantaj komisionoj konsilaj kiel la komitato por la pristudo pri la termilitaj, marmilitaj kaj aermilitaj demandoj; la intelekta komisiono kaj la komisiono pri opio-kontrolo ktp.; la portempaj komisionoj kiel la komisiono por la blokado, la miksita komisiono por la senarmigo kaj la komisiono pri la ŝanĝoj en la Liga kontrakto ktp.

Aliparte la Ligo de Nacioj posedas tri diferencajn teknikajn organizaĵojn, kiuj devas plenumadi tutan vicon da laboroj laŭ la artikolo 23 de la Ligkontrakto: la organizaĵo pri interkomunikiĝo kaj transveturigo, la organizaĵo pri ekonomio kaj financo kaj la organizaĵo pri higieno.

---

# Vojaĝprezoj al Venezia.

| | | II[a] klaso | III[a] klaso |
|---|---|---|---|
| *Tra Germanio:* | | | |
| De Hamburg al Aŭstrio | Germanaj Mk. | 2348 | 1400 |
| De Berlin „ „ | | 1696 | 1018 |
| De Nürnberg „ „ | | 652 | 404 |
| De Frankfurt „ „ | | 1156 | 694 |
| De Dresden „ „ | | 1450 | 870 |
| *Tra Aŭstria Tirolio:* | | | |
| De Germanio al Italio | Aŭstriaj Kr. | 99.600 | 49.800 |
| *En Italio:* | | | |
| De Brenner al Venezia | Italaj Liroj | 97 | 52 |
| *Tra Francio:* | | | |
| De Paris al Modane | Francaj Fr. | 95 | 61 |
| De Lyon „ „ | | 35 | 23 |
| De Marseille al Ventimiglia | | 36 | 23 |
| *En Italio:* | | | |
| De Modane al Venezia | Italaj Liroj | 126 | 68 |
| De Ventimiglia al Venezia | | 123 | 72 |
| *Tra Svislando:* | | | |
| De Genève al Domo d'Ossola | Svis. Fr. | 29 | 19 |
| De Bern „ „ | | 24 | 16 |
| De Basel al Chiasso | | 35 | 23 |
| De Zürich „ „ | | 28 | 18 |
| *En Italio:* | | | |
| De Domo al Venezia | Italaj Liroj | 104 | 57 |
| De Chiasso al „ | | 89 | 48 |
| *El Sudorienta Eŭropo:* | | | |
| Postumia - Trieste - Venezia | Italaj Liroj | 69 | 38 |
| *El Britlando tra Svislando:* | | | |
| De Londono al Venezia | Anglaj L. | 6 | |
| De Paris al Venezia | Francaj Fr. | 183 | 111 |

---

Tiuj ciferoj estis kalkulitaj en novembro de la Delegito de UEA en Venezia sen respondeco pri la postaj eblaj ŝanĝoj.

 SCIENCO 

## Nesufiĉeco de fraŭlinoj en Papuo.

Malfeliĉa estas sorto de amema papua junulo kun lia malpala oleumita kaj brilanta korpo, lia hararo frizita kaj elstaranta, parada floro de skarlata hibisko fiksita gaje super lia orelo, kaj lia kolringo el konkoj aŭ hundaj dentoj proklamanta ke li estas dando el unua klaso. Li paradpaŝas kaj pozas antaŭ sia amatino, kaj pensas ke li estas unika el la homamaso. Malbonsorte li estas unu el la plimulto dum tempo kiam malbenita „leĝo de ofero kaj peto" funkcias grave por lia malutilo. Liaj deziroj (parolante pri li laŭ ĝenerala senco) rilate edzecon kaj hejmamon malofte povas esti efektivigitaj. Unuvorte — ekzistas manko de disponeblaj fraŭlinoj.

Rilata nombro da knabinoj en Papuo grade malpliiĝis, kaj ĉi tiu rimarkinda situacio — rimarkinda tial ke Papuo estas unu el la malmultaj landoj en la mondo kie viroj estas plinombraj ol virinoj — estas temo de interesa raporto de oficisto en registara servo de Papuo.

Ŝajnas ke, laŭ ekzistantaj kondiĉoj, ĉi tiun belan genton minacas elmorto. Antaŭ jom da tempo juĝisto Murray opiniis ke oni devus esplori kondiĉojn kiuj influas pliiĝon aŭ malpliiĝon de indiĝena loĝantaro en iuj distriktoj de Papuo. Aŭtoritatuloj, inter kiuj estas D-ro Sharpe, episkopo de Nova Gvineo, asertas ke naskiĝoj malpliiĝas ĉefe tial ke virseksaj plenaĝuloj estas dungataj por labori malproksime de siaj vilaĝoj. Tial juĝisto Murray elektis S-ron G. B. Higginson (loka magistrato por la orienta distrikto por konduki specialan esploron ĝis nordorienta marbordo de Papuo). S-ro Higginson kies raporton ricevis Ministro de Hejmo kaj Teritorioj, konfesas ke malkontentiga estas la rezulto de lia enketo rilate al loĝantaro. „Du faktoj elstaras", li diras, „unu estas nombrego da senidaj geedzoj, kaj alia estas nesufiĉeco de knabinoj kies aĝoj taŭgas por edziniĝo, kompare kun viroj el sama klaso." „Ŝajnas", daŭrigas S-ro Higginson, „ke nuntempe eĉ se ĉiuj junuloj restus hejme, tamen aferoj ne ŝanĝiĝus, tial ke ne ekzistas sufiĉa nombro da knabinoj por havigi edzinon al ĉiu junulo. Tamen mi inklinas al opinio ke aferoj tiurilate pliboniĝas, tial ke, el knaboj kaj knabinoj kiuj havas malpli ol 14 jarojn, proporcio de seksoj entute estas preskaŭ egala. Malegaleco troviĝas inter plenaĝuloj kiuj havas 18 aŭ 20 jarojn." S-ro Higginson trovis ke oni ne tre ŝatas knabinojn tial ke komunumo posedanta kelkajn knabinojn ĉiam atendas raban atakon, kaj gentoj plivole havas knabojn kiuj iĝus batalantoj. Nenia atestaĵo montriĝis ke Papuanoj kiel gento estas kadukeca. Kondiĉoj de vivado tamen ne ĉiam estas tiaj kiajn ŝatus blankulo. Ekzemple, S-ro Higginson priskribas Moipidan vilaĝon, ĉe Rivero Sebags, kiel „inferon sur la tero" pro moskitoj. Li tute ne komprenas kiel homoj povas tie loĝi. Li preskaŭ ne povas klarigi ekziston de senidaj geedzoj kiuj, post du—tri jara edzeco, kiam oni demandas al ili rilate la idoj, ĉiam same respondas „post iom da tempo".

Ĝardenoj ĉie estas bonstataj, kaj eĉ ne unufoje S-ro Higginson trovis ekzemplon de senhaveco. Fraŭloj ne posedas proprajn ĝardenojn. Pliaĝaj nordaj indiĝenoj rigardas fraŭlojn kiel ridindaj rilate produkton de nutraĵo. „Oni diras", rimarkigas S-ro Higginson, „ke fraŭlo plejofte pasigas tempon ĉirkaŭpromenanta, ĉe aliaj vilaĝoj, ĉeestante dancadojn, kaj tiel plu, kvankam kiam li estas hejme li laboras en ĝardeno de sia patro aŭ plej proksima parenco, kaj manĝas kun ties domanaro."

Oni aŭdas ke multaj infanoj mortas tuj post naskiĝo, kaj S-ro Higginson inklinas al la opinio ke la pli multaj vivperdoj

okazas pro malsano ol pro malebligo de laŭnatura naskiĝo. Kiel rebonigilon, li opinias, ke oni multon farus starigante kuraciston kaj kuracejon ie ĉe nordorienta marbordo, kaj decidigante indiĝenojn ofte viziti gravajn centrojn ke oni povus lokigi malsanulejajn instruantajn oficistojn.

(El „Sydney Sun".)
Tradukis *Conrad Dornbusch*,
Warwick, Queensland, Aŭstralio.

# En 1887

(Okaze de la 35-jara datreveno).

Somero kaj aŭtuno 1887 estis tempo, en kiu nia lingvo sin prezentis al la mondo, dum kiu la semo de la lingvo internacia ĝermis, eligis radiketojn, aperigis folietojn, ... destiniga tempo plena je ebloj, graveda je sekvoj!

Malmultaj el ni konas tiun tempon: unuj jam transpasis kaj mem iĝis la pasinto, aliaj tiutempe estis infanoj aŭ ankoraŭ ne venis la mondon.

Ne estas sen intereso rapida trarigardo de ĉefaj okazintaĵoj kiuj akompanis naskiĝon kaj unuan vivtempon de Esperanto. Rezervante literaturon, belarton kaj politikon al la prilaboro de samideanoj pli kompetentaj, mi retrospektos la sferon de scienco pura kaj aplika, ĉiam tuŝante nur 1887.

La suno, reĝo de la mondo fizika, montris neordinarajn fenomenojn: la 19-an de aŭgusto ĝi estis plene eklipsita, la centra linio de l' ombro pasis tra Königsberg, Kovno, Vilna, Vitebsk, Tobolsk, Tomsk, Irkusk ... ĝis Japanio. Antaŭ la eklipso granda makulo, videbla por nuda okulo, dufoje aperis sur la suna disko, en junio kaj julio. Granda kometo, kies vosto atingis 50 gradojn, estis videbla, en januaro, por loĝantoj de l' suda duonglobo; ĝi estis rimarkita de unu farmulo en la Kapo de Bonespero, kaj poste astronomie observita en Argentina Respubliko, Aŭstralio kaj Brazilo. Tuŝinte la sunan atmosferon, la granda kometo rapide forflugis en ĉielajn abismojn. Pri teleskopaj kometoj mi ne parolos. Du mirinde lumegaj bolidoj aperis en Anglio (8. V) kaj Francio (17. VI). La 10an de aŭgusto ŝtona pluvo falis de la ĉielo en departemento Tarn (Francio), ĝi estis meteoritaro kun bruego simila je tondro. Poste oni trovis dudek ŝtonojn el la aro, ili konsistis el karbono kaj fero. La 27an de novembro, dum la stela pluvo falis en Meksikio meteorito peza je 4 kgr.

Ĉu estis hazardo ke dum la tago de la suna eklipso, preskaŭ en la sama horo, aperis sur la lago Ĝeneva — trombo fenomeno ne tre malofta por tiu regiono. Ĝi estis ĉirkaŭ 100 m alta kaj pli ol 2 m larĝa.

Aŭgusto estis monato, rimarkinda en Francio, pro eksterordinaraj ventegoj, ciklonoj kaj fulmotondroj. La 16an de aŭgusto furioza ventego en Bordeaux rompis arbojn, ruinigis domojn kaj konstruaĵojn. Ĝardenoj, stacidomoj, kioskoj, hangaroj en la tuta regiono multe suferis de la ventego, kaj la viktimoj estis inter homoj. La 13an de aŭgusto fortega ciklono ruinigis parton de la departemento Aude. Domoj falitaj, rikoltoj detruitaj, dekoj da mortaj kaj centoj da vunditaj homoj. Vagono ŝarĝita je 10.000 kgr. da karbo estis eljetita for de la fervojo je 50 metroj!

La 26an de aprilo en Argentaŭ pluvis la ĉielo serena, tute sennuba! Kaj la 21an de julio en Nancy, dum unu horo, falis pluvo... da formikoj kiuj ŝutiĝis sur stratojn, placojn kaj pasantojn!

Tertremoj estis oftaj kaj fortaj dum 1887. La 23an de februaro en suda Francio, Svisio kaj Italio okazis serio da subteraj ŝokoj kiuj ruinigis domojn kaj okazigis centojn da mortoj. Simila fenomeno vizitis Japanion, kvin tagojn antaŭe. En majo la tremegoj okazis en Meksikio, Balearoj, Manilo, Luçono. En junio la centra Azio suferis: nombro de viktimoj superis 800.

De l' mondo fizika ni nin turnu al mondo socia. La 28an de aŭgusto oni solene inaŭguris en Chamonix monumenton al Horace-Bénedict de Saussure kaj liaj helpantoj, por memorigi pri la unua supreniro sur la Monto Blanka, sukcesinta la 1an de aŭgusto 1787.

En aprilo kunsidis en Pariza Observejo internacia kongreso da 56 astronomoj el 16 nacioj. Tiu kongreso metis bazojn de plej grandioza scienca entrepreno de la XIX jarcento: internacia karto de stela ĉielo, farota per fotografio.

En Parizo, inĝeniero Eiffel komencis konstruigi la faman turon altan 300 m. En Germanio oni inaŭguris laborojn super kanalo kiu devos kunigi Nordan maron kaj la Baltikon.

En majo kaj septembro du katastrofaj brulegoj de l' opero komika en Parizo (100 mortoj) kaj de teatro en angla Exeter (200 mortoj).

Dum 1887 estis internaciaj ekspozicioj en Havre, Toulouse, Firenze (ĝardenkulturo), Manchester (industrio).

Dum 1887 estis internaciaj kongresoj en Londono (stenografio), Milano (fervoja), Washington (medicina), Vieno (higiena), Nice (geodezia). Dum 1887 mortis Boussingault, Vulpian, Oppolzer, Moreau de Tours, Thollon, de Ruolz, Bayard, Kirchhoff (fizikisto) kaj Alfred Krupp, la fondinto de fama uzino en Essen, tuta militfabrika urbo kun propraj minoj, fervojoj, telegrafoj, — urbo ludinta gravegan rolon en la Granda Milito kiu mortigis milionojn da homoj kaj inter ili la aŭtoron de Esperanto.

*Petro Stojan.*

# Kristnasko.

*Gamma*, bohema verkisto.

Kial estas Kristnasko nur en la tempo de Kristnasko? Vere mirinda afero, ĉar la homoj havas tion tute en sia povo. Ĉiuj scias kuriozan, sekrete ĉarman humoron de Kristnasko, plena de pacamo, gajaj vizaĝoj, ĝojkriado de infanoj, feliĉa ripozo flanke de ĉagrenaj elsuĉigintaj ĉiutagaĵoj; en ĉi tiuj tagoj estas homoj pli cedemaj, ili ŝanĝiĝas, rememoras la aliajn kaj rememoras senprofiteme; la penado fari plezuron al iu ekkaptas la korojn de ĉiuj homoj, kiel bela infekto. Kial ne estas Kristnasko la tutan jaron?

Apenaŭ estas anstataŭigitaj en la kalendario la du ruĝe presitaj tagoj per vico da tagoj ordinare — unuforme — nigre presitaj, la homoj kuregas senpripense el varmo en malvarmon, ili interbatiĝas, la vizaĝoj aspektas malbele, infanoj ĉesas ĝojkrii, la lumstato de feliĉo en la familia rondo kovriĝas per svarmigantaj zorgoj, egoista penado por kontentigi la amasegon da bezonaĵoj elpensitaj kaj nepravaj — ili erariras, kredas, ke per la plimultiĝo de vivbezonaĵoj, plialtiĝas ankaŭ la mezuro de l' vivo kaj ili ne scias, ke de la prava vivo ili ricevas de tempo al tempo plej malmulte! — La homoj denove falas en malnovan ĉiutagan penadon kaj nefratan rivalecon — antagonismon — la bela metamorfozo haltigita kiel per duobla forto, ĝi aperas, la enradikiĝinta emo fari kamarado al kamarado turmentojn kaj maljustaĵojn; malaperis la penado fari al ili plezuron, oni memoras nur sin mem kaj sian profiton. Ĉu estas tio neebleco?

Ĉiu tago en la jaro povus esti Kristnaska tago, se nur oni volus.

Tradukis *Karolo Loveček.*



# LITERATURO



## Se....

(Historio de loteria bileto n-ro 2.364.700.)

Miŝka kaj Saŝka kuris en sian lernejon. Ili kuris atente, simile al ĉas-hundoj. Jen ili trovis kupran butonon kun aglo dukapa, jen — eluzitan, malpuran poŝtmarkon („Iu libro mistera kaj antaŭ ĝi — rikoltilo kaj martelo."), jen — paperaĉon.

Tuj ili kaptis ĝin (ambaŭ, per fingroj streĉitaj) kaj post obstina batalo kaj post ne malpli obstinaj porpacaj diskutoj (jen diplomatoj!) Miŝka (pli aĝa, pli forta) ĝin alproprigis.

Li (duklasano) triumfe tralegis la nigrajn literojn sur blua fono.



LOTERIA BILETO N-RO 2.364.700.
Prezo 500.000 Rubl.

La Ĉefgajno

— 30.000.000.000 Rubl. —

Moskvo, junio 1922.

*Prezidanto de Centra Komitato por Helpo al Malsatantoj.*
M. Kalini.

Falsado estas laŭleĝe punota, kiel falsado de mono.

— „Loteria bileto!" — (Miŝka, mediteme.)

Li rememoris la loterion en la urba ĝardeno. La fajfilon nigran, kvazaŭ ostan li gajnis.

— Ĉu kapti perforte la bileton kaj poste forkuri, ĉu ree proponi honestan dividon? (Saŝka, envie kaj nedecideme.)

Miŝka tute forgesis pri sia amiko, pri sia lernejo: bona estis tiu fajfilo, kvazaŭ tiu de policano. Eble ankoraŭ per tiu ĉi bileto li gajnos similan fajfilon?

La knaboj iris silente.

Ĉe angulo staris homo kun blanka antaŭtuko.

— „Kukoj, bongustaj kukoj — kun pomo, pruno, viando!"

La bonodoro de l' kukoj allogis la knabojn.

— „Jen vidu — ku... koj!" (Saŝka, mirigite, kvazaŭ eltrovis Amerikon en... Afriko). Miŝka tuj forgesis fajfilon, bileton; Saŝka — perforton kaj ruzaĵon; ambaŭ ili flaris bonodorantan aeron.

— „Kukoj, unu por dudek!"

Dudek milojn nek Miŝka nek Saŝka posedis, sed...

— „Ĉu vi deziras ŝanĝi (proponis iom timeme Miŝka) du kukojn kontraŭ ĉi tiu bileto?"

La vendisto malatente ĝin okulesploris kaj malzorge redonis:

— „Ne taŭgas."

— „Kial do?" Miŝka, Saŝka peteme.

Sed la blanka antaŭtuko nenion respondis.

Preterpasis... en malnova pelto... en malgranda ĉapo... verŝajne laboristo... malrapide, sekve — senlaborulo. (Estis jam la naŭa horo!)

Li ion aŭskultis, la knabojn demandis kaj aĉetis du kukojn.

— „Jen por vi, bubaĉoj — donu la bileton!"

La knaboj gaje saltis, la knaboj ĝoje kuris — bongustaj estis kukoj kun pomo kaj kun pruno.

Vetero estis bona, aero — kvazaŭ maja kaj la knaboj findecidis ne iri hodiaŭ al lernejo pro malfrua horo. En parko ili ludis ĝis fino de lecionoj kaj poste hejmen revenis kvazaŭ el lernejo.

* * *

Edzino de Petruŝkin (laboristo... en malnova pelto) kolerincite lin renkontis:

— „Ĉu vi trovis laboron?"

— „Ne, sed... jen kio: mi aĉetis por 40 miloj la loterian bileton, ĝia prezo — 500000; se ni gajnos 30 miliardojn, tiam mi ne bezonos labori, ni ne malsatos. Mi aĉetos porkon, bovinon, anserojn. Ĉiutage ni manĝos viandan barĉon, kaj po du aŭ po tri funtoj da nigra pano. (La nigra estas pli bongusta ol la blanka!)

— „Idioto!" respondis fie la edzino — ci pli bone alportus hejmen funton da nigra pano ol ĉi tiun bagatelon."

Ŝi malkontente brufermis la pordon. Petruŝkin, dolĉe ridetante, metis la bileton sur tablon kaj, por forgesi malsaton legis kaj relegis la surskribon sur la bileto. Nokte li sonĝis 30 miliardojn kaj ili ŝajnis al li jen tridek sakoj kun blanka faruno, jen tridek ringoj da porkvianda kolbaso, jen tridek apetitaj kringoj.

Estis jam malfrue, kiam li vekiĝis; li penis ankoraŭ sonĝi sed bluaj matenaj radioj blindigis liajn okulojn kaj igis lin leviĝi. Sin vestinte, li ekiris al „Borso de laboro". Li bone sciis, ke li malfruis hieraŭ, ke li vane iras tien, sed li iris, iris kaj pensis obstine pri gajno, pri barĉo vianda, bolanta, varmega.

Dum tiu tempo lia edzino vagis tra bazaro, vendante siajn lastajn litkovrilojn kaj festĉemizojn. Nenion vendinte, ŝi malrapide iris hejmen. Preterpasante la kukvendiston ŝi okulfiksis envie bonaspektajn kukojn. Hodiaŭ ŝi nenion manĝis. La kukoj ŝajnis apetitaj. Krom la bileto — ŝi nenion havis en la poŝo.

— „Eble..."

Ŝi proponis la bileton kontraŭ unu kuko. La blanka antaŭtuko tuj konsentis kaj enpoŝigis kontente la bileton.

* * *

Reveninte vespere hejmen, li ĝoje montris ĝin al sia edzino

— „Jen kia feliĉo: hieraŭ vi insultis min pro tio, ke mi ne donis du kukojn por loteria bileto (ĝia prezo 500.000 r.), sed hodiaŭ mi ĝin akiris nur por unu kuko. Profita afero, ĉu ne?"

Sed la edzino ŝajnis ne kontenta je tio, ĉar ŝi pro hepatdoloro ĉiam emis kontraŭdiri al la edzo. Eksciinte, ke ĝin li aĉetis de malriĉa virino, ŝi superstiĉe ektimis.

— „Ne feliĉon, sed malfeliĉon alportos ĉi tiu malbeninda bileto. Fordonu ĝin!"

La kukvendisto konfuziĝis. Li tion tute ne atendis kaj eĉ komencis pense sin insulti pro la aĉeto.

Sed traleginte atente la biletan surskribon li rememoris sian pasintan ĝisrevolucian vivon, la butiketon kaj malgrandan kapitalon.

— 30 miliardoj! Ĝi estas mono, ne tiom multe, sed... sufiĉe por ke li rekonstruu sian vivon simile al la pasinta. Li aĉetos la komercaĵojn, luos loĝejon, malfermos butikon. Jes, la bileto alportos feliĉon. Sendube.

La kukvendisto zorgeme ĝin kaŝis en kverkan skatolon, kie kuŝis mono kaj malnovaj ne enordaj, sed oraj, du horloĝoj.

Noktomeze li vekiĝis, plenŝvitinte, rekte al liaj okuloj helradiis poŝlanterno. Ĉe lia lito staris nigrulo kun brilanta revolvero.

Dialogo estis mallonga, sed rememorinda.

— „Kie — la mono?"

La revolvero alproksimiĝis al la malvarma frunto.

La kukvendisto ion ekpepis kaj fingremontris la kverkan skatolon.

— „Silentu, civitano, alie..."

— „Bo—ne!" (Kurteno de l' nokto.)

* * *

Miŝka kaj Saŝka hodiaŭ ankaŭ ne iris la lernejon. En la parko neniu ilin vidos kaj la vetero estas bona.

*

Malhele estis en ĉambro. Sur tablo staris du glasoj kun brando kaj apud ili — granda verda botelo.

— „Jen — al vi, jen — al mi . . .“ audiĝis raŭke en la ĉambro kaj diverskoloraj bankbiletoj foriĝis jen en unu, jen en alian poŝon.

Fine sur la tablo restis nur blua bileto.

— „Loteria bileto!“ — ili ambaŭ ekridis. La nigraj, malbelaj ombroj ekdancis gaje sur la plafono. La ŝtelistoj bonhumore diskutis pri la bileto. Ĝin akiris Vanjka, japano.

Fintrinkinte la botelon, ili eliris, zigzagante sur la pavimo kaj kantante ion bravecan.

Jen unu policano faris al ili riproĉon, jen la alia . . . Sed ili kun rido respondis: „for idiotoj!“

Finfine ilin kaptis ofendita policano kaj ekkondukis en region-policejon. Post du — tri kvartaloj la ŝtelistoj flankeniris (nun silente) kaj la policano revenis al sia posteno tenante en la poŝo la ĵus ricevitan bankbileton.

— „Kvin milionoj! Bona rikolto. Estas profite melki noktajn friponojn. Dum unu nokto mi gajnis trionon de mia ŝtatsalajro. Se ĉiunokte mi havos la samon, post unu monato mi kolektos cent kvindek milionojn. Post unu jaro . . .“ (Li longe, pene pensis, elkalkulante . . .)

Matene li aĉetis dekon da cigaredoj kaj elpoŝigis la bluan bileton (nokte gajnitan).

— „Jen — kvin. Donu la reston.“

— „La reston?“ — La cigared-vendisto (timigita, mirigita) tute ne sciis kion respondi. Vend-rajton li ne havis, kaj la policano povis . . . . Fine li redonis la bluan papereton kaj timeme, flanken diris:

— „Ĝi estas loteria bileto, ne mono!“

La policano koleriĝis: „jen friponoj!“ kaj li foriris (kun cigaredoj, certe!)

*

Post kelkaj tagoj en ĉiutaga gazeto *„La plumo en la dorson“* aperis jeno:

## „Kiel oni monoferas aŭ pli ĝuste monon peras.“

(Detektiva filmo, centmetra.)

### 1. *Oni laboras.*

Malgranda kancelario de l' regiona policestro. Iom malhela, iom maloportuna. Ĝi similas al stalo. En la fundo — „Underwood“, kvin tabloj kaj kvin fraŭlinoj. Sur la tabloj kaj antaŭ la fraŭlinoj — kvin bulvardaj nebinditaj romanoj. Apud la pordo, kvazaŭ dormema strigo, sidas la policano kaj melankolie penas kunkudri la paperojn. Evidente tio estas malfacila, ĉar li kelkfoje viŝas sian ŝvitkovritan frunton.

### 2. *Venas instruisto Pitagorov.*

En la kadro de l' pordo aperas figuro. Ĝi dekstren kaj maldekstren humile salutas. Neniu rimarkas ĝin. Neniu respondas. Ĉiuj estas okupitaj. La figuro alproksimiĝas al la unua fraŭlino, sed ŝi malestime balancas la kapon kaj grimacas. La figuro kvazaŭ riverencas, sed la fraŭlino indiferentas. Malpacienca kaj kolera gesto de l' fraŭlino — Pitagorov venas al la alia. Sed . . . la sama akcepto. La instruisto fariĝas lernanto, kiu ne plenumis sian taskon kaj ne scipovas respondi. La instruisto fariĝas timema leporo kun longaj, longaj oreloj, kiujn li ne scias kien meti. Ne orelojn, sed manojn; la manojn tremantajn. Oni povas tuj rimarki ke Pitagorov neniam estis artisto, neniam oratoris publike kaj nur konas la vojon de sia loĝejo al la lernejo, kaj de la lernejo al sia loĝejo. Senhelpe, senpove li ĉion ĉirkaŭrigardas kaj sin turnas al la fraŭlino skribmaŝinistino. Ŝi havas bonkoran aspekton. Sed . . . ŝia gracia buŝeto fariĝas kratero, kaj ĝi vezuvie erupcias, elĵetante rapidege la lafon de akraj mokoj kaj ŝtonojn de insultoj.

Timigita, terurita Pitagorov desaltas al la pordo kaj falas sur la policanon, kiu puŝas lin flanken kaj ion demandas.

### 3. *„Helpu al malsatantoj!“*

Pitagorov sin klinas al la policano kaj montras sian petskribon.

„Al la region-policestro.

De Ivan Evklidov Pitagorov,
instruisto de lernejo n-ro 8
membro de profesio-unuiĝo
n-ro 2649.

Petskribo.

„Bonvolu ordoni, ke oni donu al mi certigilon, ke
„mi Pitagorov Ivan efektive estas vivanta kaj ne mortis,
„kaj ke mi estas efektive Pitagorov Ivan, al kiu oni
„sendis pakajon per „ARA“, kaj ke mi loĝas en la domo
„n-ro 13 de „Epaminond'kakatu'strato“ kaj ke mi estas
„inokulita kontraŭĥolere kaj pagis ŝtatan imposton.

Ivan Evklidov Pitagorov.

La 13an de martobro 1622.“

La policano ŝajnis traliginta ĉi-paperon. Li jese balancis la kapon kaj poste didaktike fingre montris anoncon: „Helpu al malsatantoj!“ Evklidov legis, relegis la anoncon kaj lia fleksita figuro similis al la demandsigno. Fine li returniĝis al la policano kaj ree etendis sian petskribon, sed la policano ĝin tute ne rimarkis, daŭrigante sian penadon kunkudri la paperaĉojn.

### 4. *Loteria bileto N. 2.364.700.*

La kvin fraŭlinoj rapide foliumis kvin romanojn, travivante ĉiujn aventurojn kaj malfeliĉojn de noblaj, kuraĝaj herooj. La policano penis enkudriligi fadenon aŭ pli ĝuste enfadenigi la kudrilon. La lasto estis tute neebla kaj li ŝvitis, ŝvitis sen ĉeso. La instruisto fariĝis la ŝtona kolono kaj atendeme, peteme rigardis la severan, lunoforman vizaĝon de la policano. Sed la lasta obstine kaj mistere silentis. La fraŭlinoj ankaŭ silentis. Fine la vizaĝo de Evklidov esprimis la komprenon. Li fingretuŝis sian frunton kaj elpoŝigis la ruĝan bankbileton. Policano tute ne atentis ĝin. La konfuzita instruisto elpoŝigis ankoraŭ unu milionon, sed rezulto estis la sama. Post la tria elpoŝigado, la policano ofendite eksaltis kaj demandante kolere montris la paperojn. Kaj iom pli trankvile etendis al Pitagorov la bluan bileton kaj suprenlevis kvin kaj poste ses fingrojn. Kvin fraŭlinoj silentis, allogitaj de intrigo fantazia. Pitagorov tenis en la mano la bileton, kaj rigardis la ses dikajn, malpurajn fingrojn.

Ses ruĝaj biletoj falis sur la tablon kaj tuj ......

### 5. *Oni helpis al malsatantoj.*

Kvin fraŭlinoj subite vekiĝis. La skribmaŝino ektiktakis. Du minutoj ne pasis ankoraŭ, sed la necesa certigilo jam kuŝis en la poŝo de Evklidov. Li preminte manojn de l' kvin fraŭlinoj, akompanata de afablega policano kontente kaj fiere foriris.

Blanka ekrano kaj sur ĝi... azeno, kiu penas kaŝi siajn longajn, longajn orelojn.

— „Iom kare kostas por mi ĉi tiu bileto“, pensis instruisto Evklidov, trarigardante hejme ĝin. „Sed eble ĝi alportos feliĉon al mi. Mi neniam gajnis per loterio, eble nun, kiam mi tute ne volis bileton akiri, mi havos sukceson.“ Estas skribite: La ĉef-gajno 30.000.000.000 kaj la surskribon ĉirkaŭas

maldikaj spiraloj, kvazaŭ ondoj de l' sonoj, kiujn ofte desegnis li klarigante ĉiujare al la lernantoj la son-teorion.

— „Se mi gajnos ....:
mi ĉesos lecioni ....
trankvila scienca laboro ....
disertacio pri son-teorio kaj sonaj post-signoj ....
universitata katedro ....
profesoro Evklidov."

(El la disertacio) .... „La son-ondoj kiel pensoj, revoj aŭ simple materiaj objektoj restigas postsignojn en homa konscio. Ili havas grandan impulson je homa volo, instigante al agoj, kies kialoj ŝajnas tute nekompreneblaj por scienca esploro..."

Instruisto Evklidov ricevis juĝejan alvokon. Instruisto Evklidov tutan nokton ne dormis, divenante pri kialo de tiu alvoko.

* * *

Senlaborulo Petruŝkin, eksciinte ke la bileto foriĝis, vendis la botojn kaj drinkis sen ĉeso dum tri tagoj.

— „Mi nepre devus gajni, ke ŝi fordonis mian feliĉon por unu kuko". — Kun ploroj centfoje ĝemis li. Finfine oni lin eturigis en malsanulejon, kie li mortis senkonscia.

* * *

— „Civitano Evklidov, kion vi rakontis al via amiko ĵurnalisto Homer pri loteria bileto N. 2.364.700?"

— „Civitano Evklidov, kiel vi rilatas al la nuna ŝtatregado?"

— „Civitano Evklidov, ĉu vi instruas en la lernejo N. 8?"

— „Civitano Evklidov, ĉu vi loĝas en N. 13 „Epaminond Kakatu-strato?"

* * *

— „Akuzato Homer, ĉu vi komprenis verkante vian artikolon „kiel oni mon-oferas aŭ pli ĝuste monon-peras" ke ĝi malutilas por helpo al malsatantoj kaj provokas malfidon je ŝtatregado?"

* * *

La edzino de l' kukvendisto kolere pruvis al li, ke li mem estas kulpa je ŝtelo, ĉar li maljuste alproprigis la loterian bileton, trompinte la malfeliĉan mizeran virinon.

La kukvendisto konsentis kaj de tiu tago li fariĝis pia, vizitante ĉiufeste la preĝejon kie li starigis po unu kandelo antaŭ ĉiu ikono.

* * *

La region-policestro postulis por Homer la plej severan punon pro abomeninda kalumnio. Sed Homer ne estis mortpafita, ĉar la juĝa proceso okazis ne dum la unuaj jaroj de revolucio, kiam sufiĉis nur unu akuzvorto, por ke oni ....

* * *

Instruisto Evklidov estis forpelita el la lernejo N. 8 pro sia pedagoga netaŭgeco. Ankaŭ la dom-administracio proponis al li dum dudek-kvar horoj lasi la loĝejon, ĉar ĝi bezonas senprokrastan riparon laŭ decido de l' sanitara komisiono ĉe la region-policejo.

* * *

Ian vesperon la policano rekonis la voĉojn (ree ebriajn) de siaj noktaj konatuloj, kiuj iam trompis lin. Severe li ilin haltigis kaj enkondukis la region-policejon, kie oni ilin arestis pro multnombraj ŝteloj. En la hejmo de ŝtelistoj oni trovis multe da juveloj, inter kiuj estis du oraj horloĝoj de l' kukvendisto. Unu horloĝo estis al li redonita, sed la alia perdiĝis dum juĝa esploro kaj proceso. La policano ricevis „dankon" kaj laŭleĝan premion.

— „Se mi ne gajnis 30 miliardojn" — emis li diri: „mi gajnis ion ne malpli bonan." Tiam laŭ kutime li montris siajn insignojn pro meritplena servo.

* * *

Homer estis ne nur ĵurnalisto, sed ankaŭ poeto, aŭ pli ĝuste li estis nur poeto. La juĝa riproĉo ricevita de li tute lin ne maltrankviligis. Li nur bedaŭris ke pro liaj stilaj ekzercoj Evklidov perdis la oficon kaj loĝejon. Konfuzite Homer petis pardonon de li.

— „Prenu ĉi tiun bileton kaj mi pardonos vin", respondis Evklidov, kiu firme kredis ke ĉi tiu bileto al li alportis la malfeliĉon.

— „Kun plezuro" — diris Homer kaj elpoŝigis ses milionojn por iamaniere rekompenci la perdon de sia amiko.

Revoj pri tridek-miliarda gajno incitis en Homer la pensojn pri siaj poemoj, kiuj kuŝas nepresitaj en la paperujo. „Felietonoj ne permesas al mi tute min doni al poezio, al arto. Ĉu povas mi versi valorajn verkojn, se ĉiuminute mi devas elpensi temojn ridigajn, temojn nuntempajn?" La revoj malhelpis al li prepari la vican felietonon. Li ricevis riproĉon kaj rifuzon je peto pri promocio. Nokte li sidis ĉe tablo penante ion elpensi, sed li ne povis, ĉar en oreloj sonoris: tridek, tridek, kaj antaŭ la okuloj vidiĝis amasoj da novaĉetotaj libroj. Preskaŭ malsana pro tiu luktado inter la revoj kaj peno ion elpensi, Homer kolere kaptis la bluan loterian bileton kaj ĵetis ĝin en la fornon. La ruĝe-flava flamo lekis la paperon kaj post unu sekundo nenio restis de la bileto. Kvazaŭ liberigita de multpeza ŝarĝo Homer trovis spritan temon kaj necesan stilon. La plumo eklaboris rapide sur la papero.

*

Oni disdonis la gajnojn.

Prezidanto de C. K. Help-Malsat, prezidanto de . . de . . (La presistoj rifuzis noti la sennombrajn liajn titolojn. Rim. de Red.) Kamarado M. Kalinin sidis en sia luksa kabineto, ornamita de laborist-kamparanaj emblemoj (spikoj kaj inter ili — rikoltilo kaj martelo) kaj sumigis la profiton de l' ŝtatloterio:

| | |
|---|---|
| Enspezo . . . . | 1 500 000 000 000 rubloj |
| Elspezo . . . . | 48 000 000 000 „ |
| La resto . . . . | 1 452 000 000 000 rubloj |

Kamarado M. Kalinin memkontente ekridetis: „la ĉef-gajno (30 miliardoj) ne estis postulita. Jen stranga posedanto. Oni presis en ĉiuj gazetoj, ke N-ro 2 364 700: 30 miliardoj, sed neniu venis."

Tiel la profito fariĝis la enspezo de l' ŝtatbanko.

*Vsevolod P. Ivanov.*

---

*La artikolo „La Enigmo de la Vivforto" aperinta en nia novembra numero estis verkita de S-ro J. F. van Dam el 's-Gravenhage.*

# Idilio.

*Gardisto cara sub fenestro*
*postenon staras kun fier'.*
*(Li sin imagas la regnestro.)*
*Despot' kruela de l' karcer'.*

*Karcera ĉambro de l' taĉmento,*
*ŝlosita pord' katenas min.*
*En orfa solo de l' silento*
*mi pensas pri la „disciplin'“.*

*Sur la fenestro, vid' al vido,*
*subite sonas brua frap'*
*kaj logas min per ĉarma vido*
*knabino kun orbukla kap'.*

*Graciaj manoj voke gestas,*
*kun larmoj kison sendas for.*
*Kortuŝan ĝojon mute festas*
*en la karcero — mia kor'.*

*En tuta lando el regatoj*
*la plej valora estas ŝi,*
*ĉar koron havas por kompato*
*kaj larmojn por la emoci'.*

*Sinsekve kis' post kiso venas . . .*
*(Ho, ne koleru rusa car',*
*ĉar kiu min al koro prenas*
*nur vivas en la — kvina jar'!)*

*Gardisto al fenestro pasas . . .*
*Per pugnosku' li pelas ŝin.*
*Ŝi, kiel song' fluganta, lasas*
*en la karcero sola min.*

**Julio Baghy.**

* * *

# Siberia romanco.

*Sur blinda voj'*
*de l' neĝa kamp',*
*kie vagadas lupoj . . .*
*kun kormalĝoj'*
*per pena ramp'*
*marŝas mizera trupo . . .*
*La vestojn ŝiras frosta vent' . . .*
*La korojn tordas larma sent' . . .*
*Super la kapoj korvoj krias . . .*
*La korvoj krias.*

*Jen, sonoril'*
*el fora spac'*
*rompas la mutan horon.*
*La tinta tril'*
*pri dolĉa pac'*
*vekas en kor' memoron.*
*Kaj unu pensas pri l' kaban',*
*en hejma lando pri infan',*
*kiu la patron vokas vane . . .*
*nur vokas vane . . .*

*Susura son'*
*de l' vaga vent'*
*lule logante bruas . . .*
*Al voja ŝton'*
*nur por moment'*
*li pro mortlac' genuas . . .*
*Alspiras sonĝon vintra reĝ'*
*kaj kovras lin per blanka neĝ', . . .*
*Kanton funebran korvoj krias . . .*
*La korvoj krias.*

**Julio Baghy.**

* * *

# Pitagoraj maksimoj.

*Ĉu filo, ĉu frato, bonega vi estu,*
*Kaj patro, kaj edzo amema vi restu.*

*Amiko l' amikon de l' virto elektu,*
*Laŭ liaj konsiloj konduton direktu.*

*Pro nubo nenia forlasu lin iam,*
*Almenaŭ se eble, disiĝu neniam.*

*Kapablas vi venki frenezajn pasiojn,*
*Batalu, kaj regu do la emociojn.*

*Neniam koleru. Vi estu agema,*
*Kaj sobra, kaj ĉasta; ankaŭ tolerema.*

*La vanaj plezuroj de l' tero finiĝas;*
*Riĉaĵoj, honoroj facile perdiĝas.*

*Vi estu justulo. La homoj post morto*
*Fariĝas egalaj — jen volo de l' sorto!*

*Nenion malbonan plenumi konsentu.*
*Paroli nur post pripensado atentu.*

*Aprobu, mallaŭdu prudente. Vi plendu*
*Neniam. Se venkas eraro, atendu.*

*Konsultu, komparu, elektu libere,*
*Vi ĉiam parolu kaj agu sincere.*

*Nutraĵon al korpo disdonu konvene,*
*Prizorgu la sanon, kaj vivu serene.*

*Kuraĝe elportu la frapojn de l' sorto;*
*Vi kontraŭbatalu fatalon kun forto.*

*Ĉar ili ne povas ŝanceli fortulon,*
*La plej turmentegaj ne trafos saĝulon.*

*Enskribu en koron la miajn parolojn,*
*Kaj nur en vi mem ja serĉadu konsolojn!*

Tradukis: **S. Frantz,**
membro de Esperantista Literatura Asocio.

* * *

# La horloĝo.

*Dekdua hor'. Timeme tremas koro.*
*Denove tag- denove viv-angor'.*
*Senhalta vag' en estonteco fora.*
*Orel-sonor' kaj rekviema hor'.*

*La hor-montril' ciferojn ferajn bekas,*
*en apati' balancas sin pendol',*
*kaj melodi' de l' mekanismo vekas*
*per sia tril' malgajon sen konsol'.*

**Vsevolod P. Ivanov.**

# *Kvin poemoj de Clarence Bicknell*

*la amata esperantista poeto mortinta en Bordighera 1918.*



## Zamenhof.

Soneto.

☆

*Amiko, Majstro, kara Apostolo,*
*De paco por homaro batalanta!*
*Ni dankas vin pro via forta volo,*
*Animo kuraĝema, kor'amanta.*
*Al via dolĉa voĉo kaj parolo*
*Ne plu la mondo estos aŭskultanta;*
*Vi lasis nin orfetoj, sen konsolo,*
*Vi kiu estis patro instruanta.*

*Simile al Joseo vi nin gvidis:*
*Tra ondoj kaj dezerta ter' nin portis,*
*Sed ne la promesitan landon vidis*
*Kaj ĉe la enireja limo mortis.*
*Sinjor'! eternan pacon al li donu,*
*Kaj aŭreolo lian kapon kronu!*



## Kristnasko kaj Nova Jaro.

☆

*Kristnasko venas!*
*Resonas paca kanto,*
*Anĝela krio,*
*Ke la homaro benas*
*Infano, fil' de Dio.*

*Kristnasko pasos*
*Kaj la nova jar' naskiĝos!*
*Sed restos kio*
*El tiu kant'? Ĉu lasos*
*Ĝi pli da harmonio?*

*Ĉu amrespondon*
*En ĉiu koro vekos*
*L' Evangelio?*
*Ĉu volas ni ke l' mondon*
*Ĝi faru familio?*

*Eĉ lingvo plej anĝela*
*Sen amo al homaro*
*Estas nenio;*
*Nur amo estas bela*
*Kaj vera, viva scio.*

*Do estu ni frataro*
*Amanta, sen malpacoj*
*Kaj sen envio;*
*Kaj ĉiu dum la jaro*
*Sin montru fil' de Dio.*



## Kristnaska vitrajo.

☆

*Vilaĝ' malgranda — vintra nokto —*
*Ŝtonega grot' malhela —*
*Sed tie io pli brilega*
*Ol ia stel' ĉiela.*

*Ne saĝaj reĝoj ornamitaj*
*Per multekostaj vestoj*
*Humile kurbiĝante teren*
*Ĉe la manĝuj' de bestoj,*

*Kaj ne la spicoj aŭ juveloj,*
*Aŭ fumo bonodora;*
*Ĉar mirindaĵo tie kuŝis*
*Ol oro pli valora.*

*Riĉeco, saĝo kaj scienco,*
*Malofta triopaĵo,*
*Mirindaj estas, sed ol ili*
*Pli granda la vidaĵo.*

*Infan' ne longe naskiĝinta*
*En la manĝuj' dormanta,*
*Kaj apud li patrino simpla*
*La filon rigardanta*

*Jesuo Li, homara Reĝo,*
*La Fil' de l' alta Dio,*
*Kaj ŝi virino el virinoj*
*La Virgulin' Mario.*

*Li nun el Dia trono regas,*
*Eterne adorata,*
*Kaj Ŝi ĉielan kronon portas,*
*De l' tuta mond' benata.*

☆ ☆ ☆

## Kristnaskaj bondeziroj.

☆

*Kun vi Kristnaskon aŭ Novjaron*
*Mi ne persone festos,*
*Sed koraj bondeziroj miaj*
*En via hejmo estos.*
*Ĉi tiu mia subskribaĵo*
*Pri ili ja atestos.*
*Kristnasko kaj Novjaro pasos*
*Sed amikeco restos.*

☆ ☆ ☆

## Por la Nova Jaro.

☆

*La roz', ĉu blanka, ĉu karmina,*
*De l' val' per dornoj pikdoloras,*
*Sed speco „Rosa pendulina“*)*
*Sendorne sur la montoj floras.*

*Do grimpu el malalta tero,*
*Vivadu dum la tuta jaro*
*Sur la altaĵo de espero,*
*Kaj ne vin pikos monddornaro.*

*Se, tamen, feliĉon vian*
*Vundetos la dorndoloro,*
*Akceptu simpation mian,*
*Rozeton de amika koro.*

*) La rozoj de la alpoj Rosa pendulina estas preskaŭ ĉiam sen dornoj.

# TRA LA LIBRARO.

**Gvidlibro tra Brno,** ĉefurbo de Moravio, Ĉeĥoslovakio. Eldonita sub aŭspicioj de Esperantista Klubo en Brno. 16 paĝoj, 12×19 cm. Prezo: 1,50 K. ĉ.

Tiu gvidlibreto, ornamita de du bildoj, entenas tekston kun utilaj informoj por vizitantoj, promenado tra la urbo, historiaj notoj, adresoj de servemaj samideanoj kaj anoncoj. Ĝi estis preparita por unua esperantista kongreso en ĉeĥoslovakia respubliko en junio 1922, de S-roj Šembera, Fridrich kaj Jerabek.

**La plej granda komunista organizaĵo en la mondo.** (La komunumo de la Duĥoboroj.) *M. I. Tugan Baranovskij.* Biblioteko de teristo No. 3. El la rusa lingvo esperantigis *Maria Ŝidlovskaja.*
48 paĝoj, 13×17 cm. Prezo: 20 kop. orajn (1$^{1}/_{3}$ sh. aŭ sv. fr.)

Ĉiu jam iam ion aŭdis pri la Duĥoboroj, ilia persekutado dum cara reĝimo, ilia migrado al Kanado. Sed tiu pli detala rakonto pri ilia historio, iliaj ideoj kaj socia organizo, ilia ellandiĝo al malproksimaj transmaraj regionoj, iliaj luktoj kontraŭ homaj aŭ naturaj baroj, ilia nuna komunista vivado, ĉio tio donos al legantoj pli ĝustan scion pri tiuj energiaj pioniroj; foriĝos malveraj opinioj pri ili, montriĝos unuafoje sukcesinta komunista organizaĵo aplikanta la principojn de Tolstoj kaj Verigin, t. e. sindeteno de viando, alkoholo kaj tabako, malrezisto per forto al la malbonaj agoj, rifuzo de militservo kaj de obeo al ĉia aŭtoritato, neado de privata posedrajto, firma kredo al savo de l' homaro per la evangeliaj moralaj principoj. Kiel romaneton oni legas tiun interesan, bone tradukitan kaj instruan broŝuron, kaj la faktoj en ĝi raportitaj pri la eksterordinara entrepreno de l' Duĥoboroj estas impresigaj.

**Kongresa libro,** okaze de la 14a Universala Kongreso de Esperanto kaj 8a Kongreso de UEA *Helsinki-Helsingfors.* Eldonita de la Loka Komitato. 120 paĝoj, 12$^{1}/_{2}$×18 cm.

Kiu ne povis partopreni la 14an kaj trarigardas la kongreslibron, tiu povas jam juĝi, kiom zorge preparita estis tiu soleno. Post 14 paĝoj kun ravaj bildoj pri Helsinki kaj Finnlando, la libro havas priskribon de l' urbo, liston de ĝiaj vidindaĵoj, frazareton esperanta-finnlingvan, detalan programon tre klare prezentitan de l' kongresaj okazoj, kaj dokumentojn, nome: estrarnomaro, regularo, raportoj de K. K. K., de akademio kaj L. K., de UEA agado dum 1921. En malampleksa volumeto oni orde kunigis la informojn necesajn por kongresano kaj la tuta aranĝo de l' presaĵo estas laŭdinda.

**Stranga Heredaĵo.** *H. A. Luyken* F. B. E. A. Romano originale verkita. Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. 1922.
320 paĝoj, 13×20 cm. Prezo: broŝurita M. 232.—, bindita M. 288.—. (Alpago 60 % por mezvalutaj, 100 % por altvalutaj landoj).

Vera romano, kun multaj personoj, malofaj travivaĵoj; ĝi promenigas la leganton en la tutan mondon; ĝi aludas diversajn skolojn, kaj Esperanto ankaŭ ludas en ĝi ne flankan rolon. Ŝajnas tamen, ke la ĉefa temo estas atentigi pri la danĝeroj de okultismo aŭ spiritismo, kiuj povas devojigi animojn nefirmajn kaj estas kontraŭaj al vera kristanismo. Efektive du el la heroinoj estas per spiritismaj serĉadoj kondukataj, unu al krimaj atencoj kontraŭ aliula havaĵo aŭ vivo, dua al tia subiĝo sub falsa predikisto, ke ŝi riskas perdi sian honoron kaj fine liberiĝante trovas morton. La heroo kontraŭe estas nesugestiebla energia sentima viro, ekzemple bona kaj justa, dotita je ĉiuj kapabloj; nuntempa kavaliro, li senmaskigas hipokritulojn, humiligas fierulojn, divenas la insidojn, punas la malbonulojn, savas sin el ĉiuj riskoj, predikas la veran kredon kaj plie estas talenta pioniro de Esperanto. La aŭtoro trovas okazon priskribi la anglan kamparon kaj enan vivon, ĉeeston en Esperanta tutmonda kongreso, restadejon en Svisujo, vivon en Rusa vilaĝo, vojaĝon al Usono kaj al Meksiko, tiean ribelon de enlandaj fanatikuloj. Sed neeble resumi tiun lerte aranĝitan historion. Komencinte legi ĝin, oni iras ĝis la fino, scivola pri la strangaj aventuroj, aŭ pri la sorto de l' personoj, aŭ pri la ama intrigo, kaj ne forlasas la libron antaŭ la lasta paĝo. Tio jam estas kvalito ĉe romano. Plie ĉi tiu estas verkita per flua, korekta, stilo. Ĉiu samideano ne ankoraŭ leginte la novan originalan romanon de S-ro Luyken do povas havigi al si kelkajn horojn da honesta distraĵo kaj ĝudona legado.

**Hermano kaj Doroteo.** Eposo idilia. *J. W. v. Goethe.* El la germana originalo tradukis *Benno Küster.* 2a korektita eldono. Internacia Mondliteraturo, vol. 1.
Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. 1922.
78 paĝoj, 13×19 cm. Prezo: M. 80.— (alpago 60 % por mezvalutaj, 100 % por altvalutaj landoj).

Sub la kontrolado de D-ro Dietterle, la firmo Hirt & Sohn eldonas kolekton da beletraĵoj el ĉiuj literaturoj. Prave estis decidite, ke en tiu „Internacia Mondliteraturo“ nur famaj verkistoj estos akceptataj, kaj ke la tradukoj estos ĉiam farataj de samlingvano.

Kiel unua volumo aperas poezia romano de Goethe, unu el la plej artaj kreaĵoj de l' granda germano. El simpla idilio, kie filo de gastejmastro edziĝas je juna fremdino forpelita de sia lando, li, imitante la stilon de l' grekaj eposoj, sukcesis verki poemon en 9 kantoj dediĉataj al la 9 muzoj, en kiu la simplaj geviroj parolas kiel antikvaj herooj. Tiu poezia verko, precipe jam aparta en la originala lingvo, perdas el sia arta valoro per traduko; plie klasikaĵo tia, jam estas sufiĉe malproksima al la nuna pensado kaj gusto. La tradukinto, kiu mortis en 1916a sukcesis reverki pli ol 2000 versojn per regulaj senrimaj sed ritmitaj heksametroj deksepsilabaj, eĉ ne uzante la apostrofadon, tiel oftan kaj eĉ necesan en nia poezio. Ĉu tiu fera kiraso ne ĝenas iom la liberan movon de l' frazoj, eble. Sed certe la traduko valoras tiun de grekaj aŭ latinaj epozoj jam esperantigitaj kaj donas al negermano fidelan rebrilon de l' originalo.

La libroj de „Internacia Mondliteraturo“ estas bele presitaj sur bona papero, zorge korektitaj kaj prezentataj en plaĉa kartonita kovrilo.

**La Nigra Galero.** *Wilhelm Raabe.* El la germana originalo tradukis *Fritz Wicke.* 2a korektita eldono. Internacia Mondliteraturo, vol. 4. 64 paĝoj. Eldonisto, formato kaj prezo, samaj al tiuj de l' volumo 1.

Tiun historian romaneton verkis aŭtoro ĝenerale konata kiel observema kaj eltrovema humoristo, sed kiu ankaŭ sukcesis en alitemaj rakontoj; la jenan oni legos kun pli kaj pli streĉa atento, ĉar ĝia amintrigo estas lerte kunmiksita kun la plej mirigaj kaj timigaj okazoj de la lukto, dum la lastaj jaroj de l' deksesa jarcento, inter Hispanoj posedantaj Flandrujon kaj Nederlandanoj, ĉefe la partianoj konataj sub la nomo „Geŭzoj“. La fiero de l' hispanaj aŭ italaj maroficiroj, la riskema heroeco de l' patriotoj, la teruraĵoj de nokta atako kaj senindulga surŝipa milito antaŭ Antverpeno, la sangobapto ĉe la gefianĉiĝo de Jan kaj Myga, restos en la memoro de l' leginto. La stilo de traduko estas korekta kaj impresa, kelkloke tamen iom malglata aŭ peza; vortoj aŭ formoj pli ĝustaj aŭ pli elegantaj estus profite anstataŭintaj tro laŭvortajn esprimojn.

**La mirinda historio de Petro Schlemihl.** *Adalberto de Chamisso.* El la germana originalo tradukis *Eugen Wüster.* Internacia Mondliteraturo, vol. 7, 82 paĝoj. Eldonisto, formato kaj prezo, kiel por la ĉi supra vol. 1.

En sama vestaĵo, jen ankaŭ germana klasika verko. Kiu ne ankoraŭ legis, aŭ en la originalo, aŭ en unu el la multaj alilingvaj tradukoj, la fantazian rakonton pri la homo perdinta sian ombron, tiu plezuron certan trovos en la legado de l' esperanta transskribo; kaj kiu jam konas la historion, tiu ankaŭ legu la tradukon de S-ro Wüster, tiel fidelan, precizan, lerte uzatan ĉiujn eblecojn de nia lingvo.

Oni asertas, ke la karaktero de Petro Schlemihl iom respegulas tiun de l' aŭtoro, same senlanda kaj necerta pri siaj opinioj. La vendita ombro estus ĉiuj vantaĵoj tiel ŝatataj de l' homo, kaj la sola rifuĝejo estis por ambaŭ la naturo kaj ĝia studado. La ŝajne nur stranga rakonto havas do filozofian flankon.

La tradukinto ne preteriras novajn vortojn aŭ formojn, kiam li juĝas ilin utilaj; ekzemple enestas sufiksoj „end" kaj „io", vortoj: „gambo, epitomo, bariero, hororo, hospico, defiguri, ekstravaganco" (la du lastaj ŝajnas ne necesaj); uzataj estas: „stati, mani, kampi, reciproki, emi, skandi, artifiki, mi povintus"; ankaŭ: „malseko, lerto, fidelo, ebrio, elokvento", kaj dume: „diskreteco, vanteco, pureco". Ĝenerale akcepteblaj estas tiuj pliriĉigoj aŭ plielastigoj. Kio unuavide aperas kiel nekonsilinda novemo estas la formoj: „l'o" kaj „l'on", kaj esprimoj kiel: „alproksimiĝi iun", „koniĝi ĝiajn fontojn"; „ĝi kutimiĝos min", „mi koniĝis la teron". Post verboj kun „iĝ" prepozicio ŝajnas preferinda ol akuzativo.

**Nuntempaj rakontoj.** *G. P. Stamatov.* El la bulgara originalo tradukis *Ivan H. Krestanoff.* Rekomendita de E. L. A. Internacia Mondliteraturo, vol. 8. — 80 paĝoj. Eldonisto, formato kaj prezo, kiel por la volumo 1, ĉi supre.

Ĉiu el la kvin rakontoj havas apartan originalecon kaj lasas neforgesindan impreson en la menson de l' leginto. Tiu ĉi estas tiel interesata de l' rapida sinsekvo de l' agoj aŭ diroj, li tiel facile trakuras la fluan vivan stilon de l' tradukinto, ke baldaŭ li ne konscias legi paĝojn de balkana aŭtoro en fremda lingvo.

Stamatov estas ironiisto kaj pesimisto. En „Vilao apud la maro", ni vidas, ke virina amo, kiun ne velkus krimo de l' amato, cedas tuj post seniluziiĝo pri ties riĉeco. „En la tombejo" montras al ni amanton, kiu tiel obstine volas konfesigi de la karulino ŝian fidelecon, ke fine ŝi rebelas kaj forlasas lin. „En estinteco" diras la malgajan sorton de virino, kiu perdinte sian honoron devas kompreni, ke pura amo estos por ŝi nepre neatingebla. „Pri unu anguleto de l' animo" pruvas, ke ĉiu devas gardi kaŝitaj siajn intimajn pensojn ĉar troa sincereco eĉ bonajn geedzojn tute disigos. Fine en „Du talentoj" ni lernas ke se „unu naskiĝas talenta verkisto, alia talenta fripono"; kaj male ol oni supozus estas la unua, kiu la duan envias.

Laŭ tiaj elektitaj rakontoj, Stamatov estas verkisto komparebla kun la plej bonaj en la tutmondo aŭtoroj de mallongaj trafaj noveletoj.

**Duonsuda.** Duakta komedio. Originale verkita de *Roksano,* anino de E. L. A. Dua eldono. Ĉe Esperantista Oficejo, 43 Cours Joseph Thierry, Marseille. 16 paĝoj, 13×23 cm. Prezo: 1,25 fr. Fr.

Tiu komedio kun kvar roluloj: du fraŭlinoj kaj du fraŭloj estas facile ludebla dum esperanta kunveno kaj ĝia vigleco kaj honesta humoro ŝatigos ĝin de l'aŭdantoj. Ofte ŝajnas tradukoj el la franca lingvo frazoj cetere bonstilaj; aŭ ĉu tio estas nur impreso pro la franceco de l' komedio mem?

**La paĝio de l' Reĝino,** de Eŭĝeno Heltai kaj Emilo Makai. Rekomendita de E. L. A. Tradukis *D-ro Kolomano de Kalocsay.* Vendas Paŭlo Balkanyi, Budapest, VI, Hajos-u. 15. 32 paĝoj, 11×15 cm. Prezo: 1 respondkupono.

Tiu teatraĵo estis sukcese ludata dum aŭgusto 1921a en Budapesta postkongreso. Kiam oni legas la nomon de l' tradukinto, tiun de l' reĝisoro, Julio Baghy, kaj ekscias, ke ambaŭ ludis la ĉefajn rolojn, oni komprenas, ke veran artan ĝuon havis la aŭskultantoj. Ne malpli granda estos la plezuro de l' legantoj, ĉar vere la komedio estas tre sprita, tre originaltema, kaj la traduko en prozo kaj poezio speciale laŭdinda. Resumi tian verketon estus ĝin kripligi. Oni ĝin legu. Nur kelkaj vortoj, kiel „paravano" aŭ „satisfakcio" ŝajnas ne necesaj.

**Bukedo.** El verko „Preter la vivo". Originale verkita de *Julio Baghy.* Eldono de E. R. A. Budapest 1922. 16 paĝoj, 17×21 cm., litografitaj. Prezo ne montrita.

Dekses floroj en tiu bukedo, malsame grandaj sed ĉiuj belaj. Tia, modeste ligita, ĝi estas nur specimeno, kaj senpacience ni atendos, ke la tuta ĝardeno estu al ni pli inde prezentata. Ni ĝojas, kiam talentuloj uzas poezie nian lingvon ĉar multaj versistoj sen inspiro malkuraĝiĝos kaj verkos proze aŭ silentos. Poezio ne toleros mankojn. En tiuj de Bukedo noblaj pensoj aŭ profundaj sentoj kuniĝas kun lingva majstreco kaj poezia kapablo; nur tiel dotita oni kolektu florojn; se ne oni plantu legomojn.

**Suomen Urheilulehti** (Finna Sporta Revuo). Esperanta numero. Erottaja 4, Helksinki. 24 paĝoj, 22×29 cm. Prezo: 2 respondkuponoj.

Tiu speciala numero de sporta revuo en Finnlando estas verkita en Esperanto por propagandi sporton inter la esperantistaro, kaj ankaŭ por konigi Esperanton en la Finna sportanaro. Ĝi estas presita okaze de la 14a kongreso. La artikoloj pri: Olimpia sporto, Finna Gimnastiksistemo, Skiado, Lukta sporto, Naĝa sporto, Piedpilko, Sportasocioj, Sportindustrio, kun ilustraĵoj interesos ĉiulandajn sportistojn kaj liveras bonan materialon por sporta vortaro.

**Esperanto.** Langue auxiliaire internationale. *Manuel pratique* avec grammaire complète, exercices de conversation et double vocabulaire. *Edmond Privat,* Docteur ès lettres. Edition Atar, Corraterie 12, Genève. 116 paĝoj, 12×18 cm. Prezo: sv. Fr. 2,50. Por francoj fr. Fr. 4.—.

Profitante la bonan metodon de sia kursa lernolibro nur esperanta, S-ro Privat verkis laŭe lernolibron por francparolantoj. La unua ĉapitro, en franca lingvo kompreneble, estas resumo de l' gramatiko, kiu tre lerte altiras la atenton al la apartaĵoj de Esperanto iom malfacilaj por franclingvano. Same estas en la 40 lecionoj formantaj la libron. Oni jam scias, ke la multnombraj demandoj kaj respondoj ĉefe kaj prave celas paroligi la lernantojn. Lecionoj ordinaraj estas mallongaj kaj prezentas malmulte da vortoj, sed ebliĝas senĉesan ripetadon de l' formoj, kiuj devas encerbiĝi. Ĉiu kvina leciono, kontraŭe, konsistas el pli longa teksto kaj vortprovizo. Tiel la akiro de gramatiko kaj radikoj okazas sinsekve kaj ne samtempe. Du vortaroj: Franca-esperanta kaj Esperanta-franca, finigas la libron, kiun oni povas senrezerve rekomendi por kursoj.

**Esperanto-Lehrbuch** für Schul-, Kursus- und Selbstunterricht. *K. Brüggemann.* 1922. Esperanto-Verlag Friedrich Ader, Dresden-A. 27. 148 paĝoj, $11^1/_2 \times 17^1/_2$ cm. Prezo: M 120.— (alpago 60 aŭ 100 procentoj.)

Ankaŭ tiu nova lernolibro celas esti facila alkondukilo al nia lingvo por junaj lernantoj aŭ por vesperaj kursanoj, kiuj ne vizitadis superajn lernejojn kaj estas ofte jam lacaj de l' taga laboro. La lecionoj estas do mallongaj kaj facile digesteblaj. Ekzemploj liveras la regulon, ekzercoj laborigas la lernanton, legaĵoj kaj vortlistoj provizas la radikojn. Tiel, kun siaj 45 lecionoj, sia bone partigita kaj gradigita enhavo, sia duobla vortaro, sia klara preso sur bona papero, tiu lernilo plenumas la celon de l'aŭtoro kaj la postulojn de bona instruado.

 ESPERANTISMO 

## Tra la Gazetaro.

**La Verda Lumo.** Reaperis gazeto en Ĉinio (S-ro Pe-Kon-Cen, c/o D-ro Wong, 212, Bd. De Montigny, Shanghai). Ni esperas ke ĉi tiu nova eldonaĵo havas daŭran ekzistadon kaj ne malaperos post kelkaj n-roj, kiel okazis jam pri kelkaj antaŭuloj.

**La Unuigita Tuthomaro** (Hamburg) priparolas viandomanĝantan vegetaranon.

Iam disciploj vidis la majstron manĝantan viandon, kvankam li mem instruadis ke vegetara nutrado estas pli morala. Ili miris, sed ĉar ili amis kaj fidis lin, ili demandis pri la malkonsekvenco.

La majstro respondis: „Vi estas pravaj dirante, ke mi mem ĉiam viandon deklaris abomeninda. Sed vi estas malpravaj, nun mirante pri mi, ĉar mi ankaŭ deklaris, ke morale ne rajtas regi specialaj ordonoj, sed nur unu precepto: agu laŭ plej altaj saĝeco kaj amo. Jen, homoj ne sufiĉe konantaj min afable gastigis min; nur pro mi ili buĉis koketon. Kiel multe mi estus afliktinta ilin per nepra rifuzo! Tial mi prenis peceton da viando pro amo kaj sciante ke ĝia ensfomakiĝo ne malsanigus min. Kaj vi rajtas kredi, ke la gastigintoj, se ili ŝatadas min, lernos ĉesigi viandan nutradon. Gardu vin esti fanatikuloj koncerne apartaj moraleroj!"

## Pri niaj vortaroj nacilingvaj-Esperantaj

Vortaroj nacilingvaj-Esperantaj havas pli da utilo kaj pli da vendeblo se oni montras iamaniere la akcenton de la nacilingvaj vortoj. Kial ne tion fari?

Estas vere ke plimultê *por lerni Esperanton* oni aĉetas sialingvan vortaron kaj ne bezonas akcenton; tamen, krome, oni iomete pripensu la bezonojn de ne-Esperantistoj kaj Esperantistoj fremdaj. Studento malriĉa ofte devas lerni nacian lingvon pere de alia fremda lingvo; ofte usonano do provas traduki: ekz., el la ukraina pere de ukraina-germana kaj germana-angla vortaregoj. Estus multe pli facila kaj ĝusta tradukado pere de ukraina-Esperanta kaj Esperanta-angla vortaretoj. Fakte eĉ riĉaj bibliotekoj ofte ne posedas tradukilojn por la multaj malgrandaj lingvoj, pro la amplekso kaj granda kosto de vortaroj du-nacilingvaj. Miaopinie bibliotekoj aĉetus malmultekostajn vortarojn kiel ekz. bulgara-Esperantan aŭ japana-Esperantan, kvankam ili ne volonte aĉetus la kostegajn du-nacilingvajn. Certe iom Esperantigitaj studentoj tion farus multnombre, se oni ebligus tion al ili.

Por tio bezonege estas klarigi la sonojn de la literoj kaj eĉ pli la ofte neregulan akcenton. Mi volas aĉeti vortarojn de kelkaj diversaj naciaj lingvoj, sed bedaŭre mi ne povas, ĉar la akcento mankas kaj mia elparolado konfuzas min. Mi havas bonegan rusan-Esperantan vortaron, sed mi ne volas uzi ĝin, se mi ne povas eĉ mense de la komenco kontroli la akcenton de la serĉita vorto. Kompreneble ĥaoso sona kiel tiu de la angla bezonas krom simpligita silabado ankaŭ novan alfabeton, sed tio estas flanka afero. En plimultaj kazoj kelkaj simplaj reguloj klarigos la sonojn de la literoj kaj silaboj.

Mi lastatempe rimarkis facilan metodon klarigi la akcenton kaj ja pli, per nura spaco; ĝi okazis en angla vortaro. „Fero cious" signifas ke la akcento falas sur la „o" kaj ankaŭ ke tiu litero estas longa (do la sono alproksimiĝas esperante al „froŭŝ∘s"). Kontraŭe ĉe „bon net" la loko de la spaco montras ke la „o" estas ‚mallonga' (neelparolebla esperante; simila al la du francaj vortoj). Por tia duobla klarigo de ambaŭ akcento kaj sono ŝajnas al mi plibona la nura spaco ol komo, streketo, aŭ citilo. Se mia rusa vortaro havus tian klarigon, mi povus enmensigi la rusan ‚plo dstvovat' de la komenco, anstataŭ ŝancele diveni ‚plodstvo vat' aŭ ‚plodstvovat'.

*Poliglotemo.*

## Lingvaj Studoj.

### Nia vortfarado.

De *Leo Belmont.*

#### 22 sufiksoj.

Kisis iam Evo-*ino*
La Adamon per inklino . . .
Por *id*-naski estis *ilo* —
Idilio: — *in-id-il-o!*

Multaj *eroj* estas *aro*
Jen arbaro — d' arboj *aro* . . .
Jen de fajro — spruĉas *ero* . . .
Nia mondo — la *ar-er-o!*

*Et* malgranda, granda *eg*-o . . .
Vento kreskas ĝis ventego,
Aŭ malkreskas ĝis vent*eto* . . .
Monddiverso — la *eg-et-o!* . . .

Abstrakteco — konkretaĵo . . .
El la frukto jen frukt*aĵo*,
Al la mortoj la mort*eco* . . .
Multaj ŝanĝoj — la *aĵ-ec-o!*

Amas urbon la urb*ano*,
Faras botojn la bot*isto*,
Riĉa estas la riĉ*ulo* . . .
Divershomo: *an-ist-ul-o!*

Ĉiam estas mi leg*ema*,
Se leg*ebla* verk' poema,
Kaj se estas ĝi leg*inda* —
Divers'eco: *em-ebl-ind-a!*

Mi vin *igas* kaj vi *iĝas* . . .
Mi timigas — vi timiĝas . . .
Longe povu vi agadi . . .
Ĉion fari — *ig-iĝ-ad-i!*

En la *ejo* estas *ujo* . . .
En ban*ejo* — la ban*ujo* . . .
Por kandel' la kandel*ingo* . . .
Diversloko — *ej-uj-ing-o!*

Jen mi finas verse zumi . . .
Nun vi povas vin vent*umi* . . .
Nedifina estas lum'
En sufikso lasta: *um!*

#### 5 prefiksoj.

*Ge*-edzoj iam *dis*-iris . . .
*Bo*-patro multe miris . . .
*Ek*-kriis kun la sento:
Ho! Kia *mal*-kontento!

* * *

## Aŭstralazio, Oceanio, Aŭstralio?

Al juna franco oni instruas ke ekzistas jenaj kvin partoj de l' mondo: Eŭropo, Azio, Afriko, Ameriko kaj Oceanio aŭ Aŭstralio.

Tiu ĉi lasta parto enhavas, laŭ iu ajn vortaro: Sumatra, Borneo, Java, Insulojn Filipinajn, Nov-Gvineon, la grandegan insulon, kvazaŭ kontinento Aŭstralio kaj la multajn insulojn de la Pacifika Oceano. Praktike multaj personoj dubas al kiu kontinento apartenas kelkaj el tiuj teritorioj. Ekzemple en la jarlibro de UEA (laŭlanda listo de la lokoj kie estas delegitoj) Java estis notita en Azio en 1920 kaj 1921 en la jarlibro 1914 Cebu (I. Filipinaj) estas notata kiel Azio (p. 94).

Tiuj eraroj estas tre oftaj en Eŭropo: oni ne havas tre klaran ideon pri la aparteneco de insuloj ĉu al Azio, ĉu al Oceanio.

La kutimo doni la nomon Aŭstralio ne nur al la insulego sed al tuta Oceanio naskas ankaŭ konfuzojn. Plej interese estas ke eĉ en la landoj mem oni dubas pri la kontinentoj:

Ni ricevis pri tiu jenan leteron el S-ro A. Knegt, nia Delegito en Banjoewangi:

„Mi rimarkigas al vi ke Java ne apartenas al Oceanio sed al Azio. Kiam oni adresas Java, Oceanio aŭ Aŭstralio, kiel tre ofte okazas, la leteroj estas treege prokrastitaj, ĉar ili tiam estas senditaj unue al Aŭstralio, kiu lando devas resendi la leterojn tra Singapore".

Tio ĉi pruvas kiom konvencia estas geografia divido inter kontinentoj.

Ni opinias ke oni devas eviti uzi la vorton Aŭstralio por la kontinento Oceanio kaj ke ni devas imiti la anglojn uzante la vorton „Aŭstralazio" por ĉiuj regionoj oriente de Ĉinio kaj Japanio, kaj sude de Ĉinio, Koŝinĉinio, Malakko. Cetere niaj malnovaj membroj povas konstati ke en la jarlibroj 1913 ĝis 1916 ni jam uzis la vorton „Aŭstralazio".

* * *

## Papriko.

Mi ricevas demandojn el eksterlando, pri hungara „Paprika" kiun oni malprave nomas esperante „ruĝa pipro". Ĝi estas tute alia kreskaĵo ol la pipro. Tial mi proponas ke oni enkonduku la vorton „papriko". Ĉar ĝi estas speciale hungara kreskaĵo, por ke oni ne eraru kun aliaj kreskaĵoj, ĝi havu la hungaran nomon kiun uzas jam la slavoj, germanoj ktp.

*Laquer Sandor.*

(La vorto papriko [fr.: piment, germ.: Paprika, angl.: pimento] estis uzita de Zamenhof laŭ la plena vortaro de Grosjean-Maupin. La papriko [bot. Capsicum annuum L] apartenas al la botanika familio solanaceoj dum la pipro apartenas al la piperaceoj. Red.)

* * *

## Konatulo-instruitulo

Oni ofte legas la vorton „konatulo", kaj multfoje spertaj kaj eminentaj Esperantistoj asertas, ke la formo „konato" nepre sufiĉas. Certe ĉi tiu rimarkigo estas rajtigita — ĝis certa grado. Se oni volas diri: Mi renkontis personon, kiun mi konas, personon de mi konatan, sufiĉas diri „Mi renkontis konaton". Sed tamen la formo „konatulo" ne estas nepre kondamninda.

Jen mia opinio: en la fundamenta Krestomatio troviĝas la vorto „instruitulo", kaj ĉiu sperta Esperantisto konsentas pri tio, ke estas diferenco inter „instruito" kaj „instruitulo". Ĉiu persono, kiu multon lernis, kiu havas grandan erudicion, estas instruita, do instruito, sed tamen li ne estas instruitulo. „Instruitulo" estas persono, kies *karakteriza eco* estas la instruiteco, persono, kiun, en lingvo germana, oni nomas „Gelehrter". Kaj same „konatulo" estas persono, kies *karakteriza eco* estas la konateco, de persono, kiun oni nomas en lingvo germana „bekannte Persönlichkeit".

Mi do opinias, ke, por la germana vorto „ein Bekannter", sufiĉas la formo „konato", sed la ideon „eine bekannte Persönlichkeit", oni korekte esprimu per la formo „konatulo".

*Karl Minor.*

* * *

## Pri la nea frazkonstruo.

Nia lingvo posedas liberon en la frazfarado, kaj en tiu ĝi similas la sintezajn naturajn lingvojn. Sed tiu libero ne signifas, ke la ordo en la frazo estas ĉiam indiferenta. Se estas egalsencaj la du esprimoj: *Diru al mi vian nomon* kaj *Diru vian nomon al mi,* la jenaj ne estas tiaj: *Mi legas libron. Libron mi legas.* Ĉi tie jam estas sentata la nuanca diferenco. Sed iufoje tiu libero, lasante al frazo ĝian eksteran korektecon, kondukas al malklaro aŭ konfuzo — konstanta aŭ momenta. En la neaj frazoj ni ĝuas la liberon, eĉ trouzas ĝin. Ŝajnas ke enradikiĝis tiaj esprimoj: *mi vidis neniun, en la urbo loĝas neniu maristo, ni povas imagi neniel la senfinon* ktp.

Tamen tia vortordo estas malbona kaj nefundamenta. Malbona — ĉar unue oni asertas *(mi vidis..., en la urbo loĝas...)* iun agon aŭ staton, kaj tuj oni gin neas *(...neniun, neniel...)*. Ĝuste ĉi tie la libero de frazordo ebligas, plikonvenan esprimon, kie nea vorto antaŭas la aserton. Jen la ekzemploj ĉerpitaj el la fundamento: *Mi neniel povas kompreni... Neniu havas la rajton... Esperanto neniam disfalos. Li neniam permesis al si... Ne ĉiu kreskaĵo estas manĝebla. Li neniam dependos de la kapricoj.*

*Petro Stojan,* L. K.

---

# Objektoj kaj personaj nomoj

La nomoj de personoj ofte postvivas siajn portantojn en objektoj aŭ signifoj, kiujn ni uzas kaj kies deveno persona ne plu estas rekonata. Ĉiu moderna lingvo posedas la vorton *bojkot;* ĝia signifo estas proksimume „igi iun aŭ ion ekster la rilatoj kun la cetera mondo", do bojkoti. La vorto dankas sian ekziston al bienestro en Irlando Boycott, malŝatata pro sia severeco kontraŭ la indiĝenoj. La subpremitoj fine uzis la rimedon de pasiva rezisto. „Nenion oni aĉetu de li, nenion oni vendu al li", fariĝis la devizo. La nomo Boycott donis la verbon „to boycot" kiun ni trovas nun en ĉiuj lingvoj.

„Macadam" estis fakisto de metoda stratkonstruado, elpensinta la nunan strat- kaj ŝoseoteknikon; kiun ni nomas „makadamizadon".

Silhuetojn oni nomas la nigrajn ombrobildojn de personoj. Ili estas tre ŝatataj en studentaj rondoj. La bildoj venis en la modon dum la tempo de Louis XVI, kies financministro Silhouette, kontraŭbatalis lukson kaj aplikis foje iom krudajn rimedojn. La ombrobildojn oni trovis malbelaj kiel „Silhouette"; la nomo restis kaj donis signifon, proksimume oni komprenas sub ĝi ankaŭ konturon.

La mansardo havas sian nomon de „Mansard" ĝia elpensinto. „Pompadour",*) akompananto de sinjorinoj, rememorigas la tempon de Madame Pompadour. „Guillottine" la terura ilo el la franca revolucio dankas sian nomon al sia eltrovinto. La fumantoj de tabako parolantaj pri „nikotino" rememoru ke ĝi estas nomo de franca kuracisto priskribinta la tabakon, kiu en la botanika nomaro posedas la indikon „Nicotiana" (Nicot). Multaj estas la nomoj de personoj en la botanika nomaro; ni nur citu: Fuchsia de Fuchs, Georgine de Georgi, Dahlia de Dahl, Kamelia de Camelli, Begonia de Begon, Magnolie de Magnol, Kochia de Koch, Wellingtonia de Wellington kaj multaj aliaj malpli konataj kreskaĵoj, portas la nomon, ĉu de trovinto, ĉu pro honorigo aŭ alia kaŭzo. Fine mi ne forgesu: Havelock, speco de mantelo, de angla generalo Havelock, Ŝrapnelo de Shrapnel, angla kolonelo, Gobelin de franca tapiŝteksisto. *H. J.*

*) Germana nomo de mansaketo. Franca: réticule.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficiala prezoj en svisaj frankoj. *Membro (M) 5 Fr. Membro-Abonanto (MA) 12,50 Fr. Membro-Subtenanto (MS) 25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu favora prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Aŭstrio:** Kr. 20, 40, 150 mil; **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Britio:** ŝil. 5, 12/6, 25; **Bulgario:** L. 45, 100, 400; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 18, 45, 90; **Danio:** Kr. 5, 12, 24; **Estonio:** Emk. 75, 150, 600; **Finnlando:** Fmk. 22, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; **Germanio:** Mk. 2, 4, 16 mil; **Hispanio:** P. 6, 15, 30; **Hungario:** Kr. 750, 1500, 6000, **Italio:** L. 12, 30, 60; **Jugoslavio:** D. 22, 60, 120; **Latvio:** R. 75, 150, 600; **Litovio:** L. 1, 6, 24; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; **Polio:** Pmk. 4, 8, 30 mil; **Rumanio:** L. 45, 100, 400; **Svedio:** Kr. 4, 10, 20; **Usono-Kanado:** D. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj.

La helpmembroj (HM) kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 7000; Bulgario: L. 15; Estonio: Mk. 25; Germanio: Mk. 700; Hungario: Kr. 250; Latvio: R. 25; Litovio: L. 1 H; Polio: Mk. 1500; Rumanio: L. 15. La HM ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro, gazeto kaj enskribon en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main.*

---

**Agado dum 1923.** La Centra Oficejo dissendis al la Delegitoj „Oficialan Bultenon“ kun instruoj kaj klarigoj; Delegitoj ne ricevintaj ĝin bonvolu informi nin. En lokoj, kie la Delegitoj ne havas okazon legi la bultenon al la membroj, ĉi tiuj povas ĝin konsulti ĉe la Delegito. La ĉefa kvankam ne agrabla novaĵo estas nova kalkulmaniero de la favorprezoj por la landoj kun malaltvalora mono. Ĝis nun ni klopodis adapti tiujn kotizojn al la internaj prezoj, komparante la reciprokan valoron de la salajroj, ĉefaj nutraĵoj ktp. Je nia granda bedaŭro ni ne plu povas procedi tiamaniere. Unuflanke la daŭraj deficitoj devigas nin alceli pliajn enspezojn, flanke la kurzoj de diversaj landoj fariĝis tiom malaltaj kaj malcertaj ke ili ne plu taŭgas kiel bazo de kalkulado. Sekve ni pligrandigis la liston de la landoj kun tute malbona monkurzo, akceptas de ĉiuj helpmembrojn kaj fiksis kiel minimuma prezo por HM: 0,50 Fr.; por M: 1,50 Fr.; por MA: 3 Fr.; por MS: 12 Fr. La rilataj kurzoj naciaj troviĝas ĉe la komenco de la „Oficiala Informilo“. Ĉiuj prezoj estas firmaj ĝis fino de februaro 1923.

La ekzisto de UEA ĉiam pli dependas de la varbado de membroj en landoj kun bona kaj mezbona monvaloro. Ne sole la Delegitojn, sed ĉiun membron ni petas, ke ili konsideru sin kiel propagandaj agentoj de sia Asocio. Kiom multaj esperantistoj gloras en siaj paroladoj pri la organizo, la servoj kaj la laboroj de UEA kaj kiom malmultaj ĝin subtenas per membreco! Tiu malbona proporcio estas ŝanĝebla, se ĉiu membro faros al si devon honoran, varbi unu plian dum la proksimaj monatoj. Klarigu al viaj kungrupanoj ke la movado ĝenerala ne estu forgesata pro troaj lokaj interesoj aŭ monkolektoj por ne gravaj celoj. Jupli la politikaj kaj ekonomiaj cirkonstancoj la malfacileco vojaĝi kaj komerci disigas la naciojn, despli la esperantistoj ariĝu ĉirkaŭ sia centro supernacia kaj neŭtrala.

Kiu povas, tiu bonvolu realiĝi kiel Membro-Subtenanto. Tiun jaron ni donos al ĉiuj Subtenantoj belan premion, konsistantan el jenaj libroj:

*Historio de Esperanto,* de A. Zakrzewski, 144 paĝa, tre dokumentita kun 20 ilustraĵoj.

*Ginevra,* triakta lirika dramo de Edm. Privat.

*Esperanto kiel Helpa Lingvo Internacia.* Raporto de la Ĝenerala Sekretariaro de la Ligo de Nacioj, akceptita de la 3ª ĝenerala kunveno. (En franca lingvo.)

*Internacia Konferenco pri la instruo de Esperanto en lernejo.* Resuma raporto. (En Esperanto.)

∴ La sama; en franca lingvo.

*Oficiala dokumentaro de la 6ª Kongreso de UEA.* (100 paĝa; enhavas biografion de H. Hodler).

*Oficiala dokumentaro de la 7ª kongreso de UEA, Praha 1921.*

Okaze de elĉerpiĝo de ia libro la Centra Oficejo anstataŭas per alia samvalora.

Personoj ne dezirantaj suprajn verkaĵojn povas ricevi po unu malnovan jarkolekton de „Esperanto“ el la jaroj 1907, 1908, 1909, 1910.

**Jarlibro 1923.** Estas nia forta deziro aperigi ĝin kiel eble plej frue. Korektoj, ŝanĝoj kaj ĉio koncernantan tiun eldonaĵon oni bonvolu sendi baldaŭ. Lasta tago estas la

*31. decembro 1922*

(por ekstereŭropanoj 28. februaro 1923.)

Ni petas do nepre atenti tiujn datojn kaj subteni nin per precizaj klaraj informoj.

**Interrilata adresaro,** ree aperas en la jarlibro 1923, sub sama formo. Rajtas sin enskribi ĉiu membro, membro-abonanto, subtenanto kaj dumviva membro. Kondiĉoj: pago de la jara kotizo kaj alveno de la enpresota teksto sur folio ĝis 31. decembro, ekstereŭropanoj 28. februaro 1923. La novembra numero de „Esperanto“ enhavis specialan folion uzotan por la teksto de enskribo, kaj la Delegitoj ricevis aron da ili.

**Garantia kapitalo.**

*Dua serio:*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo: | 3000.— |
| 11. S-ro W. Chitty, Dover (Angl.) . . . . . . . . . | 300.— |
| | Fr. 3300.— |

Ni rememorigas ke ĉiu atesto de la dua serio kostas 300 Fr. svisa valoro. Oni povas ĝin pagi ĉu en unu sola fojo, ĉu en tri jaraj partoj po 100 frankoj. Ĉiu akirinto de atesto de la garantia kapitalo fariĝas Dumviva-Membro de UEA, sekve bezonas pagi nenion plu por la kotizo aŭ la abono al la gazeto, kia ajn estos la prezoj. — La mendojn kaj pagojn oni bonvolu sendi al la Centra Oficejo de UEA.

**Protesto.** De la UEA Delegitaro en Paris ni ricevis formalan plendon kontraŭ la atakoj de „Sennacieca Revuo“ pri UEA kaj kontraŭ la fakto, ke „Esperanto“ enpresis nekrologion pri S-ro Adam kiu efektive ne mortis sed nur ŝanĝis sian nomon je Lanty, anoncante sian morton. Kiam la redaktejo de „Esperanto“ enpresis la nekrologion ĝi havis nenian

kaŭzon dubi pri tiu novaĵo presita en „Sennacieca Revuo“. Nur poste ĝi aŭdis la veron. Sed post tiu ŝanĝo de nomo, ankaŭ la spirito de S. R, ŝanĝiĝis kun la titolo kaj ĝia eldonanto komencis ĉiel ataki UEA, prezentante ĝin kiel kontraŭlaboristan organizaĵon. Kun la Delegitaro de Paris ni formale protestas kontraŭ tiaj asertoj. Granda parto de niaj anoj estas laboristoj kaj ĉiutage ricevas servojn de niaj sindonaj Delegitoj, kiuj ankaŭ estas ofte laboristoj mem. En Helsinki la vicprezidanto de UEA eĉ energie defendis la rajtojn de laboristoj. Nia Asocio neniel konsentas fariĝi partia organizaĵo, ĉu monarĥista ĉu komunista; ĝi sin tenas lojale al siaj statutoj kaj formale rejetas instigojn aŭ atakojn malindajn je la spirito de Zamenhof kiun ĝi intencas fidele sekvi.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Barrow-in-Furness* (Anglio, Lanc.). — D.: S-ro J. F. Yeomans, fervoja oficisto, 115, Oxford Street.

*Brescia* (Italio). — D.: S-ro Gaetano Facchi, terposedanto, 64, Corso Vittorio Emanuele.

*Charbin* (Ĉinio, Manĝurio). — D.: S-ro Petr Pavlev, meteorologo, Meteorologia Stacio;

VD.: S-ro pastro Inocento Seriŝev, pedagogo, Novgorod, Chinese Post, poste restante.

*Klosterneuburg* (Aŭstrio) — D.: S-ro Anton Schauer, frizisto, Leopoldstrasse 7.

*Linz a. D.* (Aŭstrio, Oberösterreich). — D.: S-ro Otto Stöber, kontoristo, Humboldstr. 46.

*Luck* (Polio, Wolyn). — D.: S-ro Jozef Konderak, arbara oficisto, Zarzad Okzegowy Lasow, Panstwowyck..

*Nagoya* (Japanio). — D.: S-ro Yoshi H. Ishiguro, instruisto, P. O. Box 46.

*Poprad* (Ĉeĥoslovakio, Spiŝska župa). — D.: S-ro Bihari Géza J. Ferko, bankoficisto.

*Suŝak* (Jugoslavio, Kroatio). — D.: S-ro Josip Lipiĉ, aŭtomobil-mekanikisto. c/o Hrvatin, Stromica 225, Trsot.

*Tilburg* (Nederlando, Noord-Brabant). — D.: S-ro frato Martinus van Zon, instruisto, Gasthuisstraat 68.

*Tunbridge Wells* (Anglio, Kent). — D.: S-ro Henry Holden, botfabrikisto, South View House, Rusthall.

**Ŝanĝoj.**

*Brno* Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Franz Podlouĉka, ŝtata oficisto, Porodnice.

*Hamburg* (Germanio). — VD.: F-ino Catharine Schwabe, instruistino, Käthnerorf 16/1.

*Mexico* (Meksikio). — D.: S-ro Manuel C. Rodriguez, Apartado Postal 2482.

*Varna* (Bulgario). — D.: S-ro Vasil Sim. Baĉvarov, komercisto, ul. 27 juli N. 56.

La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.

**Adresŝanĝoj.**

*Bergen-op-Zoom* (Nederlando, Noord-Brabant). — D. S-ro J. V. Holleman, Halsterscheweg 29. L.

*Denver* (Usono). — D.: S-ro H. Levine, 3971. So. Broadway.

*Karlsruhe* (Germanio, Baden). — D.: S-ro Israel Futran, Sofienstr. 12/II.

*Topeka* (Usono). — D.: S-ro J. H. Fazel, 723, Lincoln Street.

*Västerås* (Svedio, Västmanland). — D.: S-ro O. N-son Ihrborn, Utanbygatan 14.

*Victoria* (Canada). — D. S-ino Alice Wicks, Room 6, Brown Block, 1116 Broad Street.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj:

*Arles* (Francio); *Autun* (Francio); *Badalona* (Hispanio); *Béziers* (Francio); *Caranŝebeŝ* (Rumanio); *Grange-over-Sands* (Anglio); *Kajana* (Finnlando); *Michalovce* (Ĉeĥoslovakio); *Muglinov* (Ĉeĥoslovakio); *Petäjävesi* (Finnlando).

**Servoj.** Laŭ la regularo de UEA la membro kiu petas servon de delegito devas komuniki sian membronumeron. Malgraŭ tio membroj aŭ eĉ delegitoj uzas la servojn da niaj kunlaborantoj por personoj kiuj ne nur estas fremdaj al nia Asocio sed eĉ ne scias Esperanton. Ni juĝis interese komuniki ĉi sube kopion de letero de nia delegito en Rio de Janeiro pri tiu afero al germana delegito.

Estimata Samideano!

Mi bone ricevis vian leteron de la 30a de majo, kaj mi rapidas respondi ĝin, ne nur pro konsidero al Delegito de UEA, sed ankaŭ pro la enhavo de via skribaĵo.

Ŝajnas al mi, ke mi ne pensas, kiel niaj samideanoj, kaj precipe kiel la membroj de UEA, kaj la neceso konigi mian penson fariĝas neprokrastebla.

La celo de via letero estas rekomendi al esperantisto kaj Delegito de UEA en Rio de Janeiro, iun sinjoron, kiu tute ne estas esperantisto, nek membro de UEA.

Laŭ via letero, por ke iu homo petu kaj ricevu helpon de esperantisto, ne estas necese, ke li konu Esperanton, eĉ laŭnome. Mi opinias male. Se via opinio estas akceptebla, tute ne estus necese multe da penadoj pro propagandi la lingvon de D-ro Zamenhof: sufiĉus, ke en ĉiu lando ekzistus nur unu esperantisto. Tiu ĉi estas la perato inter ĉiuj homoj. Alta celo! Nedube! sed mi ne konsentas kun vi.

Vi diras, ke la nomita sinjoro parolas france, angle kaj germane. Ĉu vi pensis pri ni? Kiamaniere interkonprenigi min? Mi parolas, aŭ mi volas paroli, nur portugale aŭ Esperante. Mi devas certigi vin, ke mi estas tiel konvinkita pri la utilo de Esperanto, ke mi parolas la karan lingvon eĉ kun miaj samlanduloj. Ĉu vi nomos min fanatikulo? Vi eraros, ĉar mi estas nur homo, kiu pritraktas la aferojn tre serioze.

Tre plezure mi akceptos viajn ordonojn, kiujn certe vi sendos konsiderante la intereson de Esperanto kaj de UEA.

Koran saluton de via

D-ro *Nuno Baena*
Delegito de UEA.

**Komuniko.** Letero, sendita el Helsinki 13. VIII. n. j., subskribita de S-roj E. Privat kaj H. Jakob, informis min, ke la VIII. Kongreso nomis min Honora Membro de U. E. A.

Kore dankante la kongresanojn kaj alte taksante la faritan al mi honoron, mi sentas la bezonon esprimi mian grandan ĝenon, devenantan de klara konscio, ke mi neniel meritas tiun honoron, kaj ke ĝi trafis min, preterpasante pli indajn kolegojn.

*St. Szabuniewicz.*

* * * *

*Genève*, 20a de novembro 1922.

*H. Jakob*,
Ĝenerala Sekretario de UEA.

# Esperantista Literatura Asocio.

*Decembra raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos

**Nomaro de la membroj.**

Honora prezidanto: S-ro prof. **Th. Cart.**
Prezidantino: S-ino **M. Hankel.** Sekretariino: F-ino **J. Zschepank.**

**Adams, William G.,** S-ro, 1742. West 62 d. Str. Seattle, Washington (U. S. A.)
**Antipov, Nikolao,** S-ro, Hamman-Lif, Tunesie „Miramare" (Afriko)

**Baghi, Julio,** S-ro, Rottenbillerstr. 66, Budapest (Hungar.)
**Ban, Aladar,** S-ro, Istvan ut. 28, Budapest (Hungar.)
**Bakels, A. G.,** S-ro, Haarlem (Nederlando)
**Balkanyi, Paŭlo,** S-ro, Budapest VI, Hajos u. 15 II (Hungar.)
**Barthelmess, Norbert,** S-ro, Immermannstr. 26, Düsseldorf (Germ.)
**Bastoul, F.,** S-ino, Rue Chabot-Charny, Dijon (Franc.)
**Beck, René,** S-ro, Allées de Meilhan, Marseille (Franc.)
**Bergit, Laurent,** S-ro, Avenue St. Saëns 43, Béziers (Herault, Franc.)
**Biscaglia, M.,** S-ro, Rango-Bleggio (Tirol)
**Biŝitzky,** S-ro, Mikalaŝka 12, Praha (Ĉeĥosl.)
**Blaise, Margaret,** S-ino, 3 Lynette Avenue Claphan-Common, London.
**Bonnevie, H.,** S-ro, Bergliensgate 11, Christiana (Norveg.)
**Borret, Mathilde,** F-ino, 21, Prins Hendrikstr., Haag.
**Buecker, Ida,** F-ino, Ruhlaerstr. 15-16, Schmargendorf-Berlin.
**Buenemann, Oskar,** S-ro, Alsterkrug-Chaussée 586, Hamburg-Fuhlsbuettel.
**Bulthuis,** S-ro, Daguerrestr. 84, Haag.
**Busuttil, Gustave,** S-ro D-ro, Sliema (Insulo Malta).
**Butin, Max,** S-ro, Kronprinzenstr. 33, Godesberg am Rhein (German.)

**Camescasse, J.,** S-ro, rue Douai 39-55, Paris.
**Camuffo, Armando,** S-ro, Pl. G. B. Vico 9 H, Triest.
**Cart, Th.,** S-ro prof., 12 rue Soufflot, Paris.
**Caumont, A.,** S-ro, Friedensgasse 37, Basel (Svis.)
**Christaller, Paul,** S-ro prof., Neue Weinsteige 61, Stuttgart (German.)
**Ĉernohvostov, G.,** S-ro, Vilao Walhelm, Alberga (Finnlando).
**Collison, E. G.,** S-ro, Melton-Mowbray (Angl.)

**Dalmau, Delfi,** S-ro, 151 Bahia Blanca, prov. de Buenos-Ayres (Argentino).
**Deans, Agnes,** F-ino, 220 Bruntefield-Place, Edinburgh (Skotlando).
**Deŝkin, Georgo,** S-ro, str. Mjasnickaja 21, Moskvo.
**Dezulian, Cesare,** S-ro, Predazzo, Trentino (Ital.)

† **Evrot, M. J.,** S-ro, Avenue du Comte Vert. 8, Chambery (Franc.)

**Faber, Hubert,** S-ro, Zweifallerstr. 28, Stolberg (Rheinl., German.)
**Feder,** S-ro, Andréstr. 41, Chemnitz (German.)
**Fethke, Edm.,** S-ro, ul. Petersona 11, Bydgoszcz (Pol.)
**Fiŝer, Andreo,** S-ro D-ro, Gribojedovstr. 25, Tiflis (Georgio)
**Flourens, Johanino,** F-ino, Cours Joseph Thierry 43, Marseille.
**Frank, Ernst,** S-ro, Am Harzberg, Moelln i. Lauenburg (German.)
**Frantz, S.,** S-ro, 21, Rue Allain Chartier, Paris.
**Fricke, Wilhelm,** S-ro, 131, Duesternstr., Bremen (German.)
**Fuerth, Camilla,** S-ino, Carlowitzstr. 28, Dresden (German.)
**Funken, L.,** S-ro, Florinsmarkt 7a, Koblenz (German.)

**Giesswein, Aleks.,** S-ro D-ro, Szentkyralyi-ut. 28, Budapest.
**Goemans, Henk,** S-ro, Holanda banko por la mediteranea maro, Konstantinoplo.
**Gordon, Geo,** S-ro, 81 Liddiard Str. Hawthorn, Victoria (Austral.)
**Gottgetreu, Paul,** S-ro, Sallstr. 109, Hannover (German.)
**Gube, Ludwig,** S-ro, Fregestr. 26, Berlin-Friedenau.

**Hanau, Joh.,** S-ro D-ro, Moritzstr. 12, Wiesbaden (German.)
**Hankel, Marie,** S-ino, Nicolaistr. 18, Dresden-A. (German.)
**Hiekel, R.,** S-ro D-ro, Mareŝgasse 4, Leitmeritz (Ĉeĥoslovak.)
**Hipsley, J. W.,** S-ro, 51, Woodland Rd. Northfield, Birmingham (Angl.)
**Hohlov, Nikolao,** S-ro, Banque Adriatique, Zagreb (Jugoslav.)

**Illing, Friedrich Wilhelm,** S-ro, Brunnengasse 69, Wien 16.
**Isbruecker, I. R. G.,** S-ro, Beverningkstr. 10, Haag.
**Jahn, Friedrich,** S-ro, Roemerstr. 10, Godesberg a. Rh. (German.)
**Jahns, Kaethe,** F-ino, Infanteriestr. 2. Braunschweig (German.)
**Jung, Teo,** S-ro, Schulstr. 3, Horrem-Köln [German.]
**Junker, August,** S-ro, Hohestr. 26, Köln [German.]

**Klinger, Hans,** S-ro, Kirchgasse 463, Tetschen [Ĉeĥoslovak.]
**Koch, Hans,** S-ro, Ringeisenstr. 8, München [German.]
**Koetz, Bernhard,** S-ro, Johannispl. 3, Leipzig [German.]
**Kornfeld, Salo,** S-ro, Jaslo [Pol.]
**Kress, Paula,** S-ino, Vorst.-Graben 40, Danzig.
**Krestanoff, Ivan,** S-ro, Wintergartenstr. 9, Dresden [German.]
**Kuehn, Anna,** F-ino, Frankenstr. 6, Dresden-A. [German.]
**Kuester, Margarete,** F-ino, Halberstaedterstr. 129, Magdeburg [German.]

**Lippmann, Walter,** S-ro, Tauchaerstr. 10, Leipzig [German.]
**Loewe, Rosa,** F-ino, Dresden-Radebeul, Albertstr. 7 [German.]
**Loy, K. J.,** S-ro, Kronach, Oberfranken [German.]
**Lutteroth, Ascan,** S-ro D-ro, Kaiserstr. 92, Breslau [German.]
**Luyken, H. A.,** S-ro, 23, Arcadien Gardens Wood Green, London.

**Maĉernis, J.,** S-ro, Ukmergispl. 45, Kaunas [Litov.]
**Madlener, Hermann,** paroĥestro, Gaustadt ĉe Bamberg [German.]
**Major, Josefo,** S-ro, Remetestr. 36, Budapest.
**Maske, Rudolf,** S-ro, kaj **Bruno Maske,** S-ro, Str. Przemystowa 20a, Poznaŭ [Pol.]
**Medem, Paŭlo v.,** S-ro, Smeliu g-ve 18, Kaunas [Litov.]
**Mexin, Aleksandra,** S-ino, Pl. Claparède 7, Genève.
**Minor, C.,** S-ro, Treskowstr. 32, Hamburg [German.]

**Noll, Margarete,** F-ino, Kopenhagen [Dan.]

**Ojala, Konrad,** S-ro, Rödbergsgatan 22628, Helsinki [Finnlando]

**Padfield, W. W.,** S-ro, 2 Dawlish Villa Lower, Oldfield Park Bath [Angl.]
**Parisot,** S-ro, 6 Rue de Brice, Nancy [Franc.]
**Pavlova, Paŭlino,** F-ino, ul. Petra Velikeho 9, Tiflis [Georgio]
**Petit, Marthe,** S-ino, 33 Rue Chabot Charny, Dijon [Franc.]
**Pillath, Friedrich,** S-ro, Sommerburgstr. 38, Essen-Ruhr [German.]
**Prengel, F.,** S-ro, Kordeckiego 1, Bydgoszcz [Pol.]
**Pulvers, Charlotte,** F-ino, Dornacherstr. 154, Basel [Svis.]

**Racz de Koevesd, Bela,** S-ro, Fehervari ut. 21, Budapest.
**Ricca, Cosmo,** S-ro, St. Giovanno Tomin Invrea U. 2. St. 5, Genova [Ital.]
**Reichel, W.,** S-ro prof. D-ro, Kasernenstr. 32, Kamenz, Sa. [German.]
**Rieck, O.,** S-ro poŝtdirektoro, Wolgasterstr. 38, Greifswald [German.]
**Robbie, James,** S-ro, 42 Strathearn Rd., Edinburgh [Skotlando]
**Rohlsen, Helmuth,** S-ro, Alte Promenade 6, Halle, Saale [German.]
**Rosen, Charles,** S-ro, La Chaux de Fond, Parc 107 Bis [Svis.]

**Sabadell, Alfonso,** S-ro, Diputacion 280, Barcelona [Hispan.]
**Scheerpeltz, Ella,** F-ino, Wall-Meseritsch [Ĉeĥoslov.]
**Schenkel, Jacob,** S-ro, Karlstr. 1, Friedrichsthal [Saar]
**Schroeder, Johann,** S-ro, Volksgasse 8, Wien.
**Sennacieca Revuo** (Lanty), 24 Boulevard Beaumarchais, Paris XI.
† **Schulz, Stefano,** S-ro, Sibrik- u. Kassa.
**Ŝeppik, Henriko,** S-ro, Tallinn, Maneŝi 7-12 [Eston.]
**Simmank, Frida,** F-ino, adr. S-ro Keller, Fritzschestr. 6, Leipzig-Gohlis [German.]
**Smith, Adalbert v.,** S-ro, Lavich v. Pabststr. 107, Arnhem [Nederlando]
**Ŝanovich, Ph. Godpraiser,** S-ro, Konstantinopel.
**Stamatiadis,** D-ro, Péra-Tepé-Bachi 59, Konstantinopel.
**Steding, H.,** S-ro, Bremen-Horn [German.]
**Suendermann, Bruno,** S-ro, Schmelze 207, Bodenbach [Ĉeĥoslovak.]
**Ŝapiro, J.,** S-ro, Winschild u. Langelott, Lipova 33, Bialystock [Pol.]
**Ŝarapov, Anna,** F-ino, Moskvo.
**Ŝidlovskaja, Maria,** F-ino, Dimitrov, Mosk. Gub. Siev. ul. d. Sobolev [Ruslando].
**Ŝupichova, Julie,** F-ino, Mala Stepanska 6 n, Praha [Ĉeĥoslovak.]
**Schwartz, Teodoro,** S-ro D-ro, Andrassy ut 81, Budapest.

**Taubmann, J.,** S-ro, Haida [Bohem.]
**Trarbach, Paul,** S-ro, Felsenstr. 27, Elberfeld [German.]
**Tuschinski, Klara,** F-ino, Vorst. Graben 4-5, Danzig.

**Unger, R.,** S-ro, Neefestr. 36, Chemnitz [German.]

**Warden, J. M.,** S-ro, 28 St. Andrew Square, Edinburgh [Skotlando].
**Wendell, Lehmann,** S-ro, 615 La Salle Building, Minneopolis (U. S. A.)
**Wiesenfeld, Eduard,** S-ro, Biala 3, Varsovio (Pol.)
**Wieczorek, Klemens,** S-ro, Virchowstr. 14, Beuthen (O.-S.)
**Wuester, Eugen,** S-ro, Berlinerstr. 23, Charlottenburg (German.)
**Wuensch, J.,** S-ro, Brueckenstr. 11, Karlsbad (Bohem.)

**Ziegler, Gustav,** S-ro, dumviva membro, Steinheilstr. 10, München (German.)
**Ziermann, Jan,** S-ro, Amsterdamsche Str. 53, Scheveningen (Nederlando).
**Zschepank, Johanna,** F-ino, Paul-Gerhardt-Str. 22, Dresden (German.)
**Zwach, Franz,** S-ro, Erzherzog Karlpl. 19, Wien.

*Marie Hankel,* Dresden, Nicolaistr. 18.

# Antaŭkongresoj.

Jam en novembro, do 10 monatoj antaŭ la XV^a^ Internacia Kongreso en Nürnberg, du urboj jam informis ke ili organizos „antaŭkongreson"!

Kiel ni jam diris okaze de la XIV^a^ antaŭ- kaj postkongresoj precipe tro multnombraj, kiel estis la kazo pasintan jaron, dividas la fortojn, elspezigas monon al la kongresanoj kaj precipe malkoncentrigas iliajn ideojn al la vera celo de ilia vojaĝo: la Internacia Kongreso.

Simpla kunveno en lokoj kie vojaĝantoj estas kvazaŭ devigataj halti dum ilia vojaĝo tute estas rekomendinda sed ne organizo de kvazaŭ konkurencaj kongresoj laciĝaj (paroladoj, dancadoj, trarigardo de urboj). Kelkaj el ili estis organizitaj kun videbla celo de valuta mongajno per la enkasigitaj altaj kotizaĵoj.

Ni do ree atentigas la grupojn ne doni okazon al la samideanoj sin distri de ilia vojaĝa celo: Nürnberg. Tie ni devas esti multnombraj, freŝaj, la poŝoj ankoraŭ diketaj por ke granda vigleco kaj entuziasmo igu la XV^an^ unu el la plej vivantaj kaj sukcesaj el niaj kongresoj.

# Oni proponas.

## Lernolibroj.

Ni eltranĉas tiun ĉi deziron el interesa letero de S-ro *Karl Wagner* el Sibin (Hermanstadt) Rumanio.

„Estus bone, se ĉiuj esperantaj lernolibroj en sia unua parto donus klarigon pri la esenco de nia lingvo, detale kaj per trafaj ekzemploj pruvante, ke la vortaro, la gramatikaj formoj kaj reguloj malgraŭ ilia unue stranga impreso, malgraŭ ilia ŝajne troa simpleco, plej bone solvis la malfacilan problemon de l' helpa mondlingvo. Krom tio ĉiu lernolibro per dikaj literoj atentigu sian lernanton: Ne kredu ke vi havos juĝon pri nia lingvo, trafoliinte min kaj ne serioze studinte, ne volu kritiki la taŭgecon aŭ netaŭgecon de Esperanto, antaŭ ekkoni ĝian originalan kaj tradukitan literaturon, kies perfekteco, riĉeco kaj beleco per nura lernolibro ne estas pruveblaj. Tial antaŭ kritiki studu konscience la kritikotan lingvon aŭ silentu pri afero, kies esencon kompreni vi ne penadis."

# Esperantista Parolejo.

### Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

S-ro **Otto Ginz,** VD en Praha (Ĉeĥoslovakio) dankas S-ron Tamm en Nömme (Estonio) pro la kelkjara perado de korespondaĵoj al Ruslando.

S-ro **Boris Lebidinski,** Del. en Cernaŭti, Rumanio, esprimas sian sinceran dankon al S-ro R. Hromada, komitatano de UEA en Praha, pro la perado de korespondado kun Ruslando.

S-ro **J. H. Taylor** el Burnley, Anglujo, dankas ĉiujn delegitojn kaj gesamideanojn kiuj helpis lin aŭ gastigis lin dum lia vojaĝo tra Germanujo kaj Ĉeĥoslovakujo. Pro la grandnombreco li ne povas citi ĉiujn nomojn; sed li speciale dankas lian amikon S-ro W. Heinze kaj S-inon H. Voigt, kiuj lin gastigis dum ok semajnoj en Radebeul. Ankaŭ li dankas liajn hispanajn amikojn por similaj servoj faritaj la pasintan jaron dum lia restado en Hispanujo.

# Esperantista Vivo.

**Edziĝoj.** — S-ro *Stefano Pedrazzini* en Arizpe, Sonora, Meksiko, kun F-ino *Delfina Sotomajor.*

S-ro *Josef Kunert,* delegito en Troppaŭ, kun F-ino *Mizzi Kromer.*

S-ro *Georgo Deŝkin,* poeto esperanta en Moskva, kun F-ino *Mario Jakovleva.*

S-ro *Jozef Konderak,* delegito en Luck, Polio, kun F-ino *Nadzieja Kozerenko-Romanovska.*

# Niaj Mortintoj.

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

S-ro **Jacinto Beltran,** inĝeniero, delegito en Mexiko, mortis la 25an de septembro preskaŭ subite. Dum kelkaj jaroj li reprezentis nian Asocion kaj multe klopodis por konigi Esperanton en lia urbo.

S-ro **Boudret,** eks-profesoro de la Pariza Liceo Jeanson-de-Sailly. Li gvidis kelkajn kursojn de Esperanto en Paris. Li subite mortis en julio en Norda Francio kie li libertempis.

S-ro **François Dejussieu,** membro N-ro 5548, delegito dum multaj jaroj en Autun. Li estis 72-jara.

S-ro **Rozanov,** fervora propagandisto en Barnaul (Siberio) malsaniĝis je tifo. En delira stato li neatentite sin ĵetis el la dua etaĝo de la hospitalo kaj mortis. I. S.

S-ro **Bronislaw Szczepankiewicz,** membro N-ro 16627, honora membro kaj estinta prezidanto de Pola Esperantista Societo, mortis la 31an de oktobro. Li fondis kaj prezidis dum pluraj jaroj la grupon „Lumo“ en Kalisz. Li estis pli ol 80-jara kaj restis ĝis lia morto fervora batalanto por Esperanto.

S-ro **Salo Sackur** el Breslau, longjara ano de UEA, mortis 88-jara. Li lernis Esperanton estante 73-jara kaj dum multaj jaroj vigle ĝin propagandis. Ĉiam aminda li neniam preterlasis okazon agi por la afero kun vigleco de 30-jarulo. Post la morto de liaj junaj gefiloj li komencis maljuniĝi. Ĉiu, kiu lin konis, lin amis kaj funebras pri lia morto. *S. F.*

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 50.**
*D-ro E. Palkoska.*
(Op te Hoogte 1916.)



Blanko matas per la **2-a** movo.

**Problemo N-ro 51.**
*R. Svoboda,* Praha.
(Originalo.)



Sinmatigo per la **3-a** movo.

**Problemo N-ro 52.**
*H. T. Bailey,* London.
(Originalo).



a) Blanko matas per la **2-a** movo.
b) Sinmatigo de Blanko per la **2-a** movo.
c) Nigro matas per la **2-a** movo.
d) Sinmatigo de Nigro per la **2-a** movo.

**Ludpozicio N-ro 3,**
el la ludo okazinta en London 1894.
Nigro: amatoro.



Blanko: *J. W. Trenchard.*

Blanko anoncas maton per la kvara movo jene:

1. g 2 — g 3 + R h 4 — h 3
2. T d 5 — h 5 + K g 6 × h 5
3. K f 7 — c 4 laŭvole
4. K c 4 — f 1 mato.

En la simbola problemo n-ro 52 estas la figuroj tiel aranĝitaj, ke ili vidigas la literojn L. I. (Lingvo Internacia).

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 46:** 1. K c 2 — h 7, g 7 — g 6, 2. D c 3 — d 4 ktp.
**N-ro 47:** 1. T a 1 — a 4, h 5 — h 4, 2. T a 4 × h 4 „
R h 7 — h 8, 2. R f 7 — g 6 „
**N-ro 48:** 1. T d 8 — f 8, K c 1 — b 2, 2. d 2 — d 4 + ktp.
K c 1 × d 2, 2. T e 2 × e 3 + „
Ĉ h 1 — f 2, 2. Ĉ b 4 — d 3 + „
Ĉ h 1 — g 3, 2. Ĉ a 5 — c 4 + „
laŭvole, 2. D e 7 — d 6 + „
**N-ro 49:** a) 1. D g 2 — g 4, K h 5 × g 4, 2. T e 4 — e 8 mato.
D f 1 — f 5, 2. D g 4 × f 5 „
b) 1. T e 4 — e 8, K h 5 × e 8, 2. D g 2 — c 6 + ktp.
c) 1. T d 3 × d 4, T e 4 × d 4, 2. Ĉ d 1 — b 2 mato.
d) 1. T d 3 × d 4, T e 4 × d 4, 2. D f 1 — c 4 + ktp.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

42, 43, 44, 45 Th. Rawlinson, Liverpool (Angl.); H. Sentis, St. Jean de Maurienne (Franc.); W. Erb, Itingen (Germ.); M. Esteban, Madrid (Hisp.); 42, 44. 45 V. Svirchevski, Le Kef (Tunis, Afriko); 42, 43, 45 S. Franz, Paris; 43, 45 A. Carles, Beziers (Franc.); 47 Bartoš, Čánský, Ginz, Poláček, Praha (Ĉeĥ.)

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samlempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita numero. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj.

## TARIFO.

### Oficialaj prezoj en svisaj frankoj.

**Korespondado:** Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj) Fr. sv. 0.75. — Por ĉiu plia linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50.

**Petoj kaj Proponoj. — Internacia Komerco:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50.

**Grandaj anoncoj:** Unu kolono-larĝeco: Fr. sv. 2.00 po centimetro da alteco.

### Naciaj prezoj por la 3 kategorioj.

**Aŭstrio:** Kr. 2000, 2000, 10 000. **Belgio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Britio:** Ŝ. -/6, -/5, 1/6. **Bulgario:** L. 10, 8, 40. **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 2.50, 2.—, 7.50. **Danio:** Kr. 0.75, 0.50, 2.—. **Estonio:** Mk. 15, 15, 40. **Finnlando:** Mk. 5, 4, 12. **Francio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Germanio:** Mk. 100, 100, 400. **Hispanio:** Pes. 1.—, 0.75, 2.50. **Hungario:** Kr. 75, 60, 250. **Jugoslavio:** D. 4, 3, 15. **Italio:** L. 2, 2, 6. **Latvio:** Rub. 10, 10, 20. **Litovio:** Lit. 0.50, 0.50, 2.—. **Nederlando:** G. 0.35, 0.25, 1.—. **Norvegio:** Kr. 0.80, 0.60, 2.—. **Polio:** Mk. 300, 300, 1000. **Portugalio:** Esk. 2.—, 1.50, 5.—. **Rumanio:** L. 8, 6, 25. **Ruslando:** laŭ tarifo por Germanio. **Svedio:** Kr. 0.60, 0.40, 1.50. **Svislando:** vidu oficialajn prezojn. **Usono kaj Kanado:** D. 0.15, 0.10, 0.40.

## KORESPONDADO.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

Atentigo!

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unuloje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziris daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio.

**Waidhofen a. d. Thaya.** — S-ino Th. Jindra, Niedertal, PM, sendifektaj, bonaj, uzitaj k. ĉ. l. krom Hung., Ĉeĥ., Polio, Germ., Finnl., Francio. Sigeli, rekomendi.
**Wien VI.** — S-ro Felix Märzendorfer, Gumpendorferstr. 39, PM k. ĉ. l.

### Britio.

**London.** — S-ro Wilfred L. Newton, 101, Coldershaw Rd., West Ealing W. 13., PI, L, precipe kun fraŭlinoj.
**New Barking** (Essex). — S-ro H. A. Baldock, 10, Faircross Avenue, kun lernantoj en Centra-Eŭropo, Rusio, Siberio, Italio, L, PI.

### Bulgario.

**Sevlievo.** — S-ro Ganĉo Dekov, gimnaziano (yrescak), L, PK (kun abstinenculaj kaj vegetaranaj societoj ĉiulandaj, kun lektoroj kaj ĉiulandaj gesamideanoj.
**Sevlievo.** — S-ro Conju Kr. Todorov, gimnaziano, ul. „Staroplaninska" No. 84, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Sevlievo.** — S-ro Ivan R. Venkov, gimnaziano, ul. „Staroplaninska" 89, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Sevlievo.** — S-ro Kostadin G. Kostov, telegrafisto, PI, mono, kun gesamideanoj.
**Sevlievo.** — D.: Doĉo T. Stanev, abaĝija = tajloro de ĉiuspecaj bulgaraj, turkaj, macedonaj kaj albanaj naciaj vestoj, deziras korespondadi kun ĉiulandaj gemetiistoj pri la metiistaj movadoj.
**Varna.** — S-ro Ivan Todorov, 24-jara fraŭlo, Bataj ul. 28, PI, L, PM.

### Ĉeĥoslovakio.

**Ĉ. Budějovice.** — S-ro Mizera Tomáš, Smetanova 18, L, PI, PM k. ĉ. l.
**Brüx.** — S-ro Beller Josef, Teplitzerstr. 37, L, PI, PM k. ĉ. l.
**Moravany.** — S-ro inĝ. L. Berger, interŝanĝas PI, PM, Esp-aĵojn, kolektas adresojn.
**Nový Bydžov.** — S-ro Ant. Pražák, Husova 48, PM.
**Písek.** — S-ro Jan Huttar, stud., nádražní 387, PM, PI, bfl, esp-aĵoj, papermono.
**Poprad—Velka,** Slovakio. — Ges-oj Eichmüller, Elizabetstr. 1., L. (pri naciaj manĝaĵoj kaj kuiraĵoj).
**Vinohrady.** — S-ro Eduard Karaus, 1007, Rejskova 7, PI, PM ĉiam tuj respondas.
**Praha — Kr. Vinohrady.** — S-ro Jaroslav Franěk, bankoficisto, Třebziského ul. 8. Nur PM kun seriozaj filatelistoj. (L, PI, bfl.)
**Praha-Nusle.** — S-ro Ant. Bartoš, Jaromírova 62, pri komerco, L, PK, esp.-glumarkoj.
**Železná Ruda** 1. — S-ro Karel Krča, PM k. ĉ. l.

### Estonio.

**Haapsalu.** — S-ro Joh. Tamverk ne plu kolektas PI, PM.
**Narva.** — S-ro Vikt. Mander, 7es Peetri t. 12, PM kun neeŭropanoj, papermonon k. ĉ. l.
**Tallinn.** — S-ro Heinrich Laos, Söörensi tän. 7-17. PI, PM k. ĉ. l. (escepte Germ. Polio, Francio, Ĉeĥosl.), prefere kun Litovio, Latvio, Jugosl., Rusio. Sendoj de pli ol 300 gmk. Laŭ kat. „Michel". Ne sendaĵ unue.
**Rakvere.** — S-ro Eduard Ney, Lai tän. 27, PI, bfl k. ĉ. l.

### Finnlando.

**Joensuu.** — F-ino Kyllikki Reinikainen, PI, L k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Sally Kokko, PI, L k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Raija Nieminen, Kirkkok. 18, PI, L k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Alina Hakkarainen, PI, L k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Helga Brëdenberg, PI, L k. c. l.
**Joensuu.** — F-ino Marja Hällström, PI, L k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Siiri Veistola, PI, L k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Anna Nousiainen, PI, L k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Helmi Pääkkönen, PI, L k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Maija Purmonen, PI, L k. ĉ. l.
**Joensuu.** — S-ro Ukko Reinikainen, PI, L k. ĉ. l.
**Joensuu.** — S-ro Toivo Roivas, Kirkkok. 14, PI, L k. ĉ. l.

### Francio.

**Paris.** — S-ro F. Brienne, 10, rue de Belzunce, PI, PM k. ĉ. l.
**Sarlat** (Dordogne). — S-ro Abel Prieur, esplora juĝisto, avenue Thiers, L (kun nefrancaj juristoj).

### Germanio.

**Plauen i. Vogtl.** — S-ro Fritz Lehmann, policano, 12. Hu., Neundorferstr. 175, PI, L, PM.
**Regensburg.** — S-ro Ew. H. Mühleisen, Stadtsparkasse, PI, bfl, L, esp-aĵoj k. ĉ. l.
**Wurgwitz-Dresden.** — S-ro A. Wolf, komercisto, 5, P, PI, L, PM, monerojn, monbiletojn kun eksterlando.

### Hispanio.

**Gerona.** — F-ino Luisa Bargés, instruistino, Escolas Pias 2, L, PI nur kun seriozuloj

### Hungario.

**Budapest.** — D-ro Károly Hegedüs, VI. Ankerköz, PM k. ĉ. l.
**Debreczen.** — F-ino Ella Ruttkay, Piac 71/II em., PI, L.
**Gyöngyös.** — S-ro Hideghi Béla, N-ro 1808, PM (rekomendu, sendu unue).
**Ujpest.** — S-ro Francisko Keder, Nyár u. 73, PI, bfl, PM, L k. ĉ. l. kun seriozuloj.
**Szombathely.** — S-ro Eugěno Török, Templom tér 5, PI, sporto, fotografaĵoj, papermono, G. M.
**Szombathely.** — S-ro Francisko Korányi, Körmendi ut. 38, L, PI, gaz., skolta movado, propagandiloj.

### Italio.

**Firenze.** — S-ro Alfonso Cappellini, Via S. Lucia 6, PI, bfl, PM.
**Roma 13.** — S-ro Giovanni Bochicchio, via del Mascherino 9 a PI, bfl, L, revuoj, libroj (ne PM!) kun Turkio, Brito, Grekio, Ekstereŭropo. Sendus ion ajn samvaloran al personoj pretaj pagi mendojn en Usono kaj Japanio.

### Nederlando.

**Amsterdam.** — S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, PM, helpmono (malakceptas bagatelojn).
**Venlo.** — S-ro Pierre Pijpers, PM.

### Pollando.

**Bialystok.** — S-ro S. Ripp, Fabryczna 5, interŝanĝas, vendas PM, papermonon.
**Rzeszów.** — F-ino Ada Freundlichówna, Zamkowa 4, artaj PI, bfl k. ĉ. l. krom Centra Eŭropo.

### Ruslando.

**Astraĥan.** — S-ro Aleksej Nikolaeviĉ Jakiŝin, 4 uĉ, Ogorodnaja 8, PM, PI, L, bfl, gaz., papermono.
**Astraĥan.** — S-ro Johan Paramonov, 6 uĉ. 4a admiralteiskaja 9, PI, L, PM, esp.-gaz., literaturaĵoj k. ĉ. l.
**Astraĥan.** — S-ro G. Artemjev, Armjanskij most 111, k. ĉ. l., L, ĉiuteme, PM, PI, portretojn de gesamideanoj, esp. gaz., libroj, esp-aĵoj. Deziregas ricevi komercajn informojn, prospektojn, katalogojn por komerca informejo. Interŝanĝadon preferas nur seriozan kaj propagandan. Unue ne sendas.

### Svedlando.

**Malmö.** — S-ro Sture Cronqvist, Claesgatan 12/I, PI, PM k. ĉ. l.

### Svislando.

**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la Jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp.-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj ktp.).

### Ameriko.

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro José Catala, Calle Uriarte 485 Talleres F. C. S. PM rekomendite.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Juan Navarro, Calle S. Martin 485 Talleres F. C. S. PM rekomendite.

### Aŭstralazio.

**Semarang** (Java). — S-ro Liem Tjong Hie, juna studento, Kranggan Wetan 19/21, k. ĉ. l. gejunuloj L, PI, PM, tutaĵoj kaj parolaĵoj.

### Azio.

**Kioto** (Japanio). — S-ro Kiiĉi Ŝinoda, Kitaŝirakaŭa, PM, PI.
**Kioto** (Japanio). — S-ro Takeo Karakaŭa, Dai-3-kotogakko, PI, PM, esp-aĵoj monon k. ĉ. l.
**Taihoku** (Japanio). — F-ino K. Jamaguchi, 89 Os-mija-cho, L, PI.
**Taihoku** (Japanio). — S-ro Ryozo Takahashi, 13 Hokumon-cho, PM.
**Taihoku** (Japanio). — S-ro Ko-Techu, 32-2 chome, Shinkicho, PM, PI.
**Taihoku** (Japanio). — S-ro K. Takegami, 22, Tomon-cho (nur kun scienculoj pri parazitaj vermoj).

## JUNULA KORESPONDADO

**Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.**

**Kostelec n. cer. lesy** (Ĉeĥosl.). — Gelernantoj 14-15 jaraj k. ĉ. l. Skribu unue al B. Ludvík, l. instr.
**Praha-Žižkov** Ĉeĥosl.). — F-ino Štěpa Bálková, ul. Jakoubkova 10 (por 36 lernantinoj, 12-14 jaraj).
**Wurgwitz-Dresden** (Germanujo). — S-ro Krumbiegel, instruisto kaj 40 infanoj, 12—15-jaraj, PI, L, PM kun eksterlando.

## PETOJ KAJ PROPONOJ.

**Adresŝanĝo.** Notu mian nunan adreson: S-ro P. Whittle, Post Office, Cambridge, North Island, New Zealand.

**Aforismojn** kolektas Van Doorne, Vliegerstraat 28, Rotterdam. Ankaŭ aĉetas kolektojn.

**Averto!** S-ino A. Hrbáčková, Zlín (Ĉeĥosl.) sciigas adresojn de nerespondintoj: Y. Aarne, Kokemäki (Finnl.); Wu-Ve-Tsing, Peking (Ĉin.); J. Nagamura, Fukuoka (Jap.); K. Sörensen, Grenaa (Danl.); aliajn adresojn ŝi aperigos venontfoje. Estonoj respondu!

**Centrafrikaj kuriozaĵoj.** Kontraŭ fr. Fr. 3.50 mi sendas letiĉ-braceleton el plektigitaj ĝirafharoj. R. Higot, Matadi (C. F. B. C.) Belga Kongolando.

**Filatelejo** Jus malfermita de Boris P. Kavalĝiev per S-ro Dečko Ŝapčanov, Zemledelska Banka, Tirnovo, Bulgario. Postulu prezaron.

**Filatelistoj.** — Kontraŭ 10 dolaroj aŭ 50 svisaj frankoj mi sendos kompletan rumanan kolekton, eldonita okaze de la kronado de la rumana reĝo. Toader Adalbert, Teius-gara, Rumanio.

**Filatelistoj.** Kiu sendas al mi 50-200 malsamajn PM de sia lando, al tiu mi sendos la saman kvanton aŭ samvalorajn germanajn PM. Otto Hülsdell, Banitzastr. 12, Buer i. W., Germanio.

**Filatelistoj!** Poŝtmarkojn belajn kaj maloftajn mi volas interŝanĝi kontraŭ sama valoro en germanaj markoj. Rob. Pfennigwerth, Hirschfelde (Saksujo).

**Filatelisto,** kiu sendas al mi 100—500 poŝtmarkojn, al tiu mi sendos samvalorajn hungarajn markojn. Ne sendas unue. Zoltáno Székely, Budapest VII., Erzsébet-

**Filatelistoj,** kiuj sendas al mi 100-200 poŝtmarkojn de iliaj landoj, ricevos la saman kvanton da germanaj poŝtmarkoj. Otto Nitsche, Berlin O, Petersburgerstr. 46.

**For la batalilojn!** Por 1 respondkupono aŭ egalvaloraj neuzitaj PM mi sendas 60 glumarkojn kun tiu enskribo kaj tre efika simbolo de la kontraŭmilita ideo. W. Krause, Berlin NO., Friedebergerstrasse 31 (Germanio).

**Germana gazet-korespondanto** raportas konstante al eksterlandaj gazetoj pri ĉiuj aferoj, novaĵoj ktp. en Esp. kaj germ. Rich. Mahns, Schillerstr. 21, Röntgental b. Berlin, Germanio.

**Interŝanĝistoj.** Bernard Boon, Scheveningen, Nederlando, serĉas por lia koresponda, interŝanĝa, internacia societo „Batavo" indajn reprezentantojn en nordeŭropaj kaj ekstereŭropaj urboj. Nur personoj, bone komprenantaj Esperanton aŭ la francan lingvon, interesiĝantaj pri PM, PI ktp. povas delegitiĝi. Bele ilustrita organo, redaktita en Esperanto, franca kaj germana lingvoj. Malaltaj abonprezoj.

**Kolektantoj!** Kiu sendas al mi serion da moneroj (papera, metala) malmultvaloraj el sia lando, tiu tuj ricevos kion ajn li preferas. Ankaŭ aĉetas. Sendu unue. T. Karakaŭa, Dai-3-Kotogakko, Kioto, Japanio.

**Kongreshimnon,** rekomenditan de Esperantista Literatura Asocio, kaj poŝtmarkojn vendas verkisto por plibonigi la vivon de sia elmigrinta familio. Prezo laŭ interkonsento. Monon oni sendu per rekomendita letero al: S-ro Vadim Anofrijev, Elva (Estonio).

**Kuracistoj!** Medicinajn artikolojn angle deziras Journal of Practical Medecine, 6201, Chestnut Street, Philadelphia Pa., U. S. A. Detalojn letere.

**Mi** helpadas fari grandan liston da okupaĵoj por la pliaĝuloj (70 kaj pli jaruloj?) kaj mi alvokas la Esperantistaron partopreni en tiu ĉi inda kaj plezura verko kaj laboreto. Ĝis nun la listo entenas eble tridek sugestiaĵojn; sed ni devas havi pli ol cent post nelonge, ĉu ne? Kompreneble multajn valorajn sugestiojn la samideanoj el la tuta mondo povas alsendi, kaj mi antaŭdankas ilin por la respondoj. G. W. Lee [14374] Del. UEA, 147 Milk St., Boston, Mass., U. S. A.

**Redakcioj** de ĉiuj esp.-gazetoj bonvolu sendi specimenon al S-ro Esteban Pedrazzini, Arizpe, Sonora, Mexiko kiu intencas aboni multajn esp.-gazetojn.

**Samideanoj, -kun mi rilatantaj!** Mi ne plu loĝas en Heřmaň, sed en Písek, Nádražní 387. Jan Huttar.

**Sciencistoj.** Mi proponas aranĝi grupon por fari vojaĝon tra Eŭropo kaj Ameriko por la scienca celo. Loko por kunveno estos Leipziga Foiro, marto 1923. Detaloj pri vojaĝo laŭ la adreso: Rostov-Don, Ruslando, Instituto Komerca, al S-ro A. T. Samojlenko.

**Sendu** 8 respondkuponojn kaj vi ricevos novan (4-an) eldonon de „BES-a adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj" kaj rajtos senpage enskribiĝi en 5-a eldono. Prospekto senpage. Bohema Esperanto-Societo, Moravany, Boh., Ĉeĥoslovakujo.

**Serioza vendo.** Mi posedas kolektaĵon de germanaj militmonbiletoj [helpmono] kaj mi volas vendi tiun ĉi kolektaĵon, ĉar mi bezonas la monon por miaj novaj studoj. Se vi havas intereson pri tio, sendu 1 funton sterlingan aŭ 5 dol. amer. al mia adreso kaj mi sendos al vi la kolektaĵon. Estas 300 pecoj de diversaj urboj. Nur por seriozaj interesiĝantoj. Friedrich Geihsler, stud. rer. pol., Frankfurt a. M., Bredowstr. 10 [Germanio].

## INTERNACIA KOMERCO

**Artajn** metallaboraĵojn, originale maneforĝitajn, speciale artajn broĉojn el latuno aŭ kupro eksportas: H. Petermann, Schwerte (Ruhr), Germ., Hagenerstrasse 6. Specimenon per rekomendita sendaĵo kontraŭ 1 Dol., 4 sv. Fr., 3 nord. Kr., Ŝil. aŭ samvaloraj naciaj monbiletoj. Specialan oferton pri samspecaj buŝtukringoj, cindrujoj ktp. kontraŭ respondkupono.

**Artindustriaĵoj,** batikkolorigitaj ledaj objektoj, monujoj, brodaĵoj hungaraj: relative malmultkostaj por bonvalutanoj mendeblaj ĉe Paulo Balkányi, Budapest VI., Hajos u. 15. Per mendo Vi helpas artindustriiston en mizero! Vi povas certigi al vi profiton per vendado!

**Berlin.** — Ĉiuj komisioj estas zorgeme prilaborataj de F-ino Martha Rabe, Bandelstrasse 45 P. A. 21.

**Ĉiuspecajn fabrikaĵojn** deziratajn el Germanio vi je fabrikprezoj aĉetos per Internacia komercagentejo Emil Krempler, Sebnitz i. S. Centro de industrio. Aldonu al demando respondkuponon.

**Ĉiujn esperantaĵojn,** nove eldonitajn, aĉetas aŭ akceptas por komisia disvendo „Bohema Esperanto-Servo", Moravany, Boh., Ĉeĥoslovakujo.

**Komercaj proponoj petataj:** A. K. Divekar, 19 E. Ambewadi, Girgaon, Bombay, Hindio.

**Korbmebloj** malkaraj, riceveblaj el pola fabrikejo pogrande kaj detale. Kompletaj salonoj konsistantaj el 6—10 pecoj [tablo, sofo, du brakseĝoj, du seĝoj, unu tabureto, du florpiedestaloj, unu florujo] kostas nur 72.000—82.000 pol. Mk. Postulu fotogr. desegn. kaj informojn de Prof. Micz. Sygnarski, Kordeckiego 19, Bydgoszcz, Polio.

**La Festpoemo** de Helsinki de S-ro Kalocsay sur aparta memorfolio, la teatraĵeto *Paĝio de l' reĝino*, tradukita de Kalocsay, ludita dum postkongreso en Budapest, haveblaj por po unu respondkupono ĉe Paŭlo Balkányi, Budapest VI., Hajos u. 15.

**Libroj** pri ĉiuj scio-teritorioj prizorgas precize Librejo Rob. Pfennigwerth, Hirschfelde [Saksujo], demando respondkupono.

**Malmultekostaj** belaj donacoj estas la hungaraj manlaboroj: brodaĵoj, puntaj kaj koloraj tuketoj, tukoj, ledaj saketoj, monujoj koloritaj, skatoletoj, pupetoj. Specimensendo por 20 sv. Fr. aŭ egalvaloro. Plej malgranda sendo por 3 Fr. Taŭga por revendado. Informojn donas kaj mendojn peras Paŭlo Balkányi, Budapest VI., Hajos u. 15. — La laborojn faras por vivsubteno hungaraj sinjorinoj kaj fraŭlinoj! Per mendo vi helpas ilin! La objektoj tre plaĉis al la vizitantoj de la kongreso en Helsinki!

**Negocojn** ĉiuspecajn peradas Edgar Roitzsch, Sebnitz in Sachsen [Germanio]. Vidu reklamon.

**Oficejajn artikolojn,** unukvalitajn liveras ĉion Papergrandvendejo Rob. Pfennigwerth, Hirschfelde [Saksujo], demando respondafranko en nacia mono.

**Rozoleo** natura garantiite sendata poŝtasekurite en boteletoj de 10 gramoj neto por 30 fr. frankoj kaj 50 gr. 145 fr. senditaj per ĉeko al R. Červenakov, ulica Krestec N-ro 7, Sofia, Bulgario.

**Rozoleo** bulgara unuakvalita por parfumaĵoj, sapoj ktp. Pogrande kaj pomalgrande. Specimena boteleto de 10 gr. por 25 fr. Fr. Ĝenerala reprezentanto: I. Krestanoff, Wintergartenstr. 9, Dresden A. 16, Germanio.

**Stampiloj kaj Emailŝildoj** ĉiuspecaj liveras ĉien: Stampilfabrikejo Rob. Pfennigwerth, Hirschfelde [Saksujo], demando respondkupono.